VIe jaro. — No 69 Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) 5 Januaro 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

Direktoro : HECTOR HODLER



## LA Verko de Zamenhof (1)

Karaj Samideanoj,

La tutmonda Esperantistaro havas hodiaŭ la grandan ĝojon festi la 50an datrevon de la naskiĝo de nia majstro Zamenhof. Dum ĉi tiu semajno, en ĉiuj landoj, sub ĉiuj klimatoj, el ĉiuj gentoj, kunvenas, kiel hodiaŭ ĉi tie aro jen granda, jen malgranda, jen malgrandega de samideanoj, kiuj estas kunigitaj de la sama sento : Dankemeco al la kreinto de Esperanto, admiro al lia verko, fideleco al lia idealo. Klarigi al vi kial ĉi tiuj sentoj nin ĉie samtempe kunigas, kial super niaj individuaj ĉiuspecaj malsamajoj nin envolvas la sama deziro, mi ne bezonos. Ĉiu Esperantisto, ĉe kiu la Esperantisteco ne kuŝas nur en la kono de iaj gramatikaj formoj, tion jam scias, ĉar ĉiu tia Esperantisto konscia konatiĝis kun la instruoriĉa historio de nia afero, de la tempo kiam ĝi ĝermis en la cerbo, kaj, se oni povas diri, en la koro de nia majstro, ĝis kiam ĝi sen alia levilo ol la forto de la ĝin naskinta ideo brave alpaŝis antaŭ la mondo. Vi ĉiuj konas — aŭ se vi ĝin ne konas, mi senhezite vin riproĉas pri tiu grava manko — vi ĉiuj konas la belan leteron pri la deveno de Esperanto, en kiu Zamenhof rakontas en la tiel modesta maniero, kiu karakterizas liajn personajn verkajojn, kiel li estis alkondukita al la ideo de Esperantismo. Vi tie legis kaj miris, kiel la juna Zamenhof, de la plej frua aĝo, estis interne frapita de la sennombraj malkonsentoj, kiujn naskis la diverslingveco, dank'al kiu rilatas ne *homo* kun *homo*, sed lingvano kun alilingvano, naciano kun alinaciano. Rimarku ĉi tiun esencan fakton : Zamenhof ne kreis Esperanton, ĉar li per rezonado alvenis al la konkludo, ke lingvo internacia estus tre dezirinda por ke intelektuloj povu kompreni unu la alian ; li ne agis kiel scienculo, por la sciencularo ; li agis kiel homo por la homaro. Li ne kreis Esperanton por pure scienca lingva celo, sed li kreis ĝin por sociala homara celo. Li vidis en Esperanto rimedon dank'al kiu la homoj, super la baroj de la nacieco kaj lingvo povos reciproke sin kompreni kaj rilati unu kun la alia en plena egaleco kaj justeco, ĉar ĉiuj staros sur unu neŭtrala kampo. Ĉi tiu ideo lin turmentis ; ĉi tiu ideo lin movis ; ĝi lin inspiris ; ĝi lin subtenis kiam antaŭ la grandegeco de la verko realigota, li sentis, ke mankas la fortoj.

Super ĉio li revenis al ĝi, speciale kiam antaŭ liaj okuloj ekstaris la unua modesta, sed grandioza enkorpiĝo de lia revo, en la paroladoj ĉe la kongresoj de Bulonjo, Ĝenevo, Kembriĝo. Tio estas la nomata de li interna ideo de Esperantismo. Ĝi ne estas ia akcesorajo ia flanka speciala opinio privata de la kreinto de Esperanto, kiel supozas kelkaj Esperantistoj altiritaj al nia afero nur per ĝia lingva flanko ; ĝi estas la animo mem de nia movado kaj faras el ĝi ion profundan, ion grandan per la signifo.

Sed — kaj en ĉi tio estas granda instruo — Zamenhof ne nur estis idealisto, homo revanta en sia kabineto pri plibonigo de la homaro. Li estis, nenion forlasante el sia idealeco, homo de realigado. Li ne apartenas al tiuj parolemaj ŝaguloj, kiuj kontentigas sin per grandaj frazoj aŭ vastaj teoriaj projektoj, perfektaj kaj neniam efektivigotaj kaj fortenas sin de ĉiu laboro. Li alveninte al la certeco, ke nur lingvo neŭtrale homa povos vere faciligi la interpopolajn rilatojn, kuraĝe laboris por ĝi. Pensante li kreis. Kion li sentis, tion li realigis en konkreta, preciza verko, kaj en ĉi tio kuŝas la signo de la vera utila genieco : la harmonia kunigo, la kunlaborado de l'pensado kaj de l'realigado.

Aliaj antaŭ li kaj post li revis pri plifaciligo de l'interhomaj rilatoj ; aliaj prilaboradis lingvajn projektojn kaj eluzis sian vivon per detalaj teknikaj laboroj en la kampo de arta lingvo, sed neniu kunigis tiel intime la flugaltan pensadon kun la praktika kreado, kun tiu profunda kono de l'bezonoj kaj postuloj praktikaj, kiu estas tiel akra ĉe li.

Alia signo estas karakteriza kaj troviĝas ĉe ĉiuj veraj kreantoj : li nenion prenas el la aliaj, sed ĉion mem kreas, li mem suferas por sia kreajo, li mem ĝin plibonigas. Vi nenie vidis, ke Zamenhof konsultis dikegajn volumojn de lingvistiko kaj sentis la bezonon esplori ĉiujn eblajn teoriojn pri la esenco de la lingvoj, sed li ĉion bezonatan de li trovis en la vivo, ĉirkaŭrigardante en sia urbo Bielostoko, kiu estis por li kiel bildo malgranda, sed tute fidela de la vasta nuna mondo, kun ĝiaj gentaj malamoj, ĝiaj lingvaj malkonsentoj, ĝiaj rasaj ŝovinismoj. Vi legis, kiel ĉe li ekaperis la fruktodona ideo pri la afiksa sistemo : li ĉiam okupata per sia unika penso vidis surskribajon, kiu donis al li la ĝermon del'solvo de gravega demando. Li ĉion mem sentis kaj eltrovis, konstatante, pripensante siajn konstatojn, ne kiel kritikanto, sed kiel kreanto lumigata de potenca idealo, kiel homo, kiu serĉas inter malsamajoj, kio estas komuna, esenca, sekve neŭtrala. Per tio mi estas kondukata al vere originala karaktero de nia majstro : la sento pri internacieco. Por krei lingvon internacian kun naturaj elementoj, por realigi tiun sintezon de ekzistantaj idiomoj, estis necesega, ke la homo, kiu tion kuraĝis fari, mem sin altigu super sia gento kaj sia lingvo, spirite etendiĝu trans la limoj de sia hejmolando, penetriĝu en la pensmanierojn de la diversaj popoloj, ne nur konu la krudan materialon de la lingvoj, la vortojn kaj la formojn, sed la vivon, la propran spiriton de tiuj lingvoj ; estis necese, ke li eniru en ilin, forjetinte ĉiun gentan, rasan aŭ lingvan ligilon, serĉu inter tiu densa plektajo de diverskoloraj ŝtofoj ion sufiĉe komunan, sufiĉe akceptеblan de ĉiuj popoloj, ion, en kiu ĉiu retrovos parton de sia amata lingvo, en kiu estas respektataj la naciaj sentoj en sia pozitiva flanko. Vere giganta kaj ne plenumebla ŝajnis tiu laborego. Ne la sola racio povis ĝin venki. Zamenhof tamen sukcesis tion fari. Li kvankam loĝanta en sama lando sciis sin altigi super la gentaj limoj ; li sciis esti internacia, ne en tiu senco, ke li ĉion platigis kaj niveligis laŭ unu sia teorio — kio ja estas facila — sed per tio ke li el la diverseco eltiris ion komunan, unuecan, kiu ne mortigas tiun diversecon, sed ĉerpas el ĝi sian vivon kaj sian gracion. Oni povus montri, ke ĉi tiu sento estas natura produkto, ke vivado en urbo kaj lando, kie kunloĝas tiom da diversaj gentoj, ke la spektaklo de iliaj malsamajoj, la serĉado de iu por ili komuna interkomprenilo akceptebla de ĉiuj, akrigis lian senton pri internacieco. Kio ajn estas, en Esperanton li kunigis, li ekvilibrigis, li harmoniigis ĉiujn pensmanierojn. La lingvo estas nek speciale latina, nek speciale germana, nek speciale slava ; ĉiu retrovos en ĝi ion de tiuj lingvosistemoj, sed kiel mirinde kunaranĝitaj, kunfanditaj, reciproke neŭtraligitaj estas tiuj diversaj pecoj ! Kiel memstara kaj originala prezentiĝas la rezultato de tiu plektajo, nia Esperanto, kiu aspektas ne kiel Arlekena vestajo, sed kiel vera lingvo, havanta propran spiriton, dank'al la harmonia genio, kiu kunmetis ĝiajn fundamentajn partojn kaj al la vivo, kiu dank' al ni, ĝiaj uzantoj, elradias de ĝi. Kiel ĉiuj kreantoj Zamenhof nur konstruis la ĉarpentajon de sia kreajo, se mi povas tiel diri. Li scias, ke li ne estas ĉioscia kaj ĉion vidanta. Li ne alportis al ni vortaron plenegan, antaŭvidante ĉiujn detaletojn, li ne forĝis kaj ne trudis al ni severajn regulojn en kiuj li antaŭvidus ĉiujn eblajn okazojn ; li prezentis nur la necesan minimumon : precizajn sed larĝajn regulojn, simplajn por ĉiuj popoloj, por *la* popolo, vortaron ĝuste taŭgan por la esprimado de la komence plej necesaj ideoj. Li liveris al ni fundamenton kaj lasis al la vivo la taskon labori super tiu fundamento, laŭ la cirkonstancoj, laŭ la postuloj de la praktiko. Li havis profundan senton pri la libereco kaj necesa malcerteco, permesebla de la unueco kaj ĉiea komprenebleco ; li unuvorte havas la senton de l'*mezuro*. Kiel necesa estis tiu sento, ni ĉion ĉiutage konstatas en la kampo prilaborita de Zamenhof. Iuj sin gvidas ekskluzive per la logiko, aliaj nenion kreas, sed kunigas ĉion troveblan, sen penso kaj sen sento. Zamenhof ĉiam staris sur la meza vojo. Ne nur en la lingvo aperas tiu sento de la mezuro, sed en lia vivo, en lia saĝa morala kondukado de nia afero.

Ha ! sendube, mi scias, ne ĉiuj trovos lian verkon perfekta sed ĉiu serĉas la perfektecon sur malsama vojo por ĝin neniam atingi, ĉar tiu perfekteco estas nur unuflanka. Dume, ni ekzistas, dume la vivo laboras super la fundamento de Zamenhof, ĝin pliriĉigas, ĝin plilarĝigas. Ni kun sereneco aŭskultas, ke Esperanto ne estas ankoraŭ tute perfekta, ĉar ni tre bone scias, ke ĝi, nek io ajn, estos iam perfekta. Ni scias, ke Esperanto estas arta verko, ke tiel same kiel majstroverkon literaturan vi devas akcepti eĉ se kelkaj detaletoj al vi ne plaĉas, vi tiel same devas akcepti Esperanton kiel ĝi estas, kun ĝiaj eblaj difektetoj, malsamaj laŭ la rigardantoj — ĝin akcepti pro la nova trezoro kiun ĝi alportas al la homaro aŭ ĝin tute neakcepti. La kritikistoj kaj la miopuloj ne atentante la sunon, sed zorge ekzamenante per teleskopo ĝiajn makuletojn, ĝin ne akceptos, sed la homoj pozitivaj kaj konstruemaj, kiuj pli atentas la vivigan sunon ol la neokulvideblajn makulojn, ĝin akceptos kaj ĝin uzos — kaj tio sufiĉas por ke ni venku.

De la laboro de ni ĉiuj dependas tiu venko. Nia agado ĉiam estu plenumata laŭ la vojo mem, kiun sekvis nia majstro kaj por ke efektivigebla, estu tiu postulo, ni ĉiam pli kaj pli rigardu al la Zamenenhofa penso, ni ĉiam pli konsciu pri la granda ideo, kiun Esperantismo havas en si kaj de kiu la fina triumfo de Esperanto estas neapartigebla.

Vivu la Zamenhofa Esperantismo !

H. HODLER.

(1) Parolado farita ĉe la festo de la Ĝenevaj Esperantistaj Grupoj, okaze de la 20a datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof.

## SOCIA VIVO

### KOMERCO

**Kiu popolo estas la plej diligenta en la poŝtkart-dissendo?**

La plej diligentaj poŝtkart-skribantoj estas la germanoj. Ili dissendis dum la jaro 1907 1 1/2 miliardojn da poŝtkartoj kun vidaĵoj. Sekvantaj landoj, kun plej granda nombro de dissenditaj poŝtkartoj, estas Granda Britujo kun 800.000.000 ; U. Ŝ. A. kun 748 milionoj ; Japanujo kun 666 milionoj ; Aŭstrujo kun 447 milionoj. Malmulta nombro de dissenditaj vidajpoŝkartoj estas en Rusujo 195 milionoj kaj Francujo 89 milionoj.

G. W.

**Aŭtomata vendado de poŝtmarkoj**

Por la solvo de tiu problemo oni jam multe laboris, ĉar la poŝtadministracioj de ĉiuj landoj tre interesiĝas al la plej simpla kaj malmultekosta aranĝo de vendado de poŝtaj markoj. Jam estis konstruitaj multaj poŝtmarkoj automatoj, sed ĉiuj el ili ĉefe pro tio ne kontentigis, ĉar, por ke la aparato laboru la aĉetanto devis kunhelpi. Sed de tiu ĉiama skuo suferis la tuta aparato. Nun la inĝenieroj Abel kaj Oehring elpensis aparaton kiu laboras sen ia kunhelpo, tuj post la enĵeto de monero. Tiu ĉi nova poŝtmarka aŭtomato estas enkondukata de la « Internationale Abelsche Briefmarken Automaten Vertriebsgesellschaft in Berlin ». La aparato komencas agi nur post enĵeto de monero de la speco, por kiu la aparato estas aranĝita. Falsaj moneroj trairas moner-ekzamenilon, per kiu ili estas haltigataj, dum la aparato ne agas. Se oni enĵetos bonan moneron, sed de iu alia speco, ol tiu, por kiu la aparato estas aranĝita, ĝi trairas la aparaton kaj estas per ĝi redonata al la aĉetanto. Se oni enlasas kelkajn monerojn de la ĝusta speco, la aparato agas, kiel se estas enĵetita nur unu monero, t. e. ellasas la respondantajn poŝtmarkojn ; la aliaj moneroj estas redonataj al la aĉetanto. Kiam en la aparato ne estas plu poŝtmarkoj, tiam estas tio aŭtomate sciigata ĉe la plej proksima poŝtoficejo. La germana poŝto havas ĉe 35 poŝtoficejoj, po tri tiuj automatoj ĉe ĉiu. Dum kelka tempo estis vendítaj 15.300.000 poŝtmarkoj per ili. La malgajno devenanta de la enĵetado de falsaj moneroj egalas al 0,005 0/0, dum ĉe la kutima vendado la malgajno estas 0,08. La germana regna poŝto volas enkonduki la aparatojn de Abel ĉe ĉiuj poŝtoficejoj. La poŝtadministracioj en Anglujo kaj Francujo prenis kelkajn poŝtmarkaŭtomatojn por provo.

G. Wiarnics (Peterburgo).

### GEOGRAFIO

**Kelkaj informoj pri Montevideo kaj la « arĝenta rivero »**

Montevideo estas granda urbo kuŝanta sur la norda marbordo de la « Arĝenta Rivero » ; ĝi enhavas 375.000 loĝantojn, estas la Urugvaja ĉefurbo, kaj pro sia envíinda geografia situacio iam fariĝos la plej grava kaj komerca sudamerika marhaveno.

Tiu ĉi urbo estis fondita en la jaro 1736 de la hispana maristo Bruno Maŭricio Zabala. Unu el la helpantoj maristoj kiuj akompanis Zabala'n, vidinte la monton kiu leviĝas kontraŭ la nuna urbo, ekkriis gaje en portugala lingvo : « Monte-vi-eu ! », kiu signifas esperante : « Mi vidis monton ! ». Pro tiu cirkónstanco la urugvaja ĉefurbo oni nomas « Montevideo ». La monto, el kiu devenas tiu nomo, estas la sola montevideana altaĵo sur kiu staras fortikaĵo, militista malliberejo kaj granda lumturo.

La rivero sur kiu kuŝas Montevideo, estis eltrovita de la portugala maristo Juan Diaz de Solis, en la jaro 1516 ; tiu maristo donis al ĝi la nomon : « Dolĉa Maro », pro la malmulta saleco el ĝiaj akvoj. La indiĝenoj konis ĉi tiun riveron per la nomo « Parana Guazu », kiu signifas : « Rivero granda kiel maro ». Post la morto de la eltrovinto kiun mortigis la tiamaj ĉi-tiea enlandanoj, la rivero estis nomata : « Rivero de Solis », nomo kiu estis denove ŝanĝita kiam la itala maristo Sebastian Caboto, alveninte ĉi tien por esplori regionojn ĝis tiam tute nekonatajn en la jaro 1527, renkontis ruĝhaŭtulojn kiuj donis al li kelkajn arĝentajn pecojn. La fama maristo kredinte ke ĉe Urugvajo ekzistis riĉaj arĝentminoj, nómis la riveron : « Arĝenta Rivero », (Rio de la Plata) per kiu ĝi estas nun konata.

La sola riĉaĵo trovebla en tiu ĉi rivero estas la bongustaj fiŝoj kiuj, grandkvante, estas eksportitaj al la Arĝentina Respubliko.

Ne malproksime de Montevideo sin trovas tri insuletoj nomataj « Insuloj de la Floroj », kie estas lokitaj antaŭzorgaj hospitaloj por la infektigantaj malsanuloj alvenantaj el fremdaj landoj.

Estas multaj aliaj ne gravaj insuloj kaj kelkaj danĝeraj sablaĵoj kiujn timas la maristoj pro la oftaj ŝippereoj.

R. V. Ydoyaga (Del Montevideo).

**La Unurelo en Anglujo**

Pri la supra temo eble troviĝos interesaj la sekvantaj rimarkoj.

Dum la lastaj dekjaroj de la deknaŭa centjaro fariĝis multaj provoj starigi sistemon de fervojo uzanta la principon unurelan, principo konata de inĝenieroj. Kelkaj el tiuj provoj havis iom da sukceso praktika, sed la kosto, kaj de konstruo de la fervojo, kaj de kurigado de la vagonoj je alta rapideco estis tro granda por ebligi sukceson financan. La unua persono kiu montris eksperimente ke estas eble konstrui vagonojn kiuj povus kuri sendanĝere sur nur unu relo, sen ia ajn ekstera apogilo — la unua, mi diras, estas Brennan.

S-ro Louis Brennan naskiĝis en Irlando, kaj vivis dum kelkaj jaroj en Aŭstralio, kolonio brita. Ĉi tie li elpensis la ideon de torpedo gvidata de ĝiroj, kiun li vendis al la Brita registaro por miliono da spesmiloj. Sed lia vivdeziro estis krei por Aŭtralio sistemon da rapidegaj fervojoj por unuigi kaj disvolvi tiun vastan landon. Dum multaj jaroj li pripensadis la problemon de la staremigo, per ĝiroj, de vagono kuranta sur nur unu linio de radoj. Fine dum Majo, 1901a, li publike montris sian modelon al la « Royal Society » (granda societo scienca de Granda Britujo), kaj ekvekis grandegan intereson pri la « mono-rail » (unurelo).

Sian plenlarĝecan vagonon, en kiu estis enkonstruita la staremiga aparato, li elmontris la matenon de la deka de novembro de tiu ĉi jaro, la saman tagon je kiu montriĝis la simila inventaĵo germana.

Ni vivas en rapidira, progresema tempo, kaj multaj en Anglujo estas la proponoj, kiuj nun estas farataj por plirapidigi la veturon. Eble dum la proksimaj monatoj okazos pri tiu ĉi temo gravaj novaĵoj (1).

R. A. M. K.

(1) Komparu kun artikolo samtema aperinta en no 67.

### ARTO

**Nova opero en Moskvo ; cenzuro kaj arto**

La « naĵlo » de la nuna opera sezono en Moskvo estas lasta opero de antaŭ nelonge mortinta Rimski-Korsakov « Ora Koketo ». Sed bedaŭrinde dum vivo de R. K. tiu ĉi opero ne povis esti prezentita pro malpermeso de cenzuro. En opera teksto, farita laŭ konata fabelo de Puŝkin, cenzuro vidis aludojn... Nur post ioma kripligo de teksto oni permesis kaj en septembro de nuna jaro la opero estis prezentita unuan fojon.

Tiu ĉi cigna kanto de komponisto estas unu el la plej belaj liaj verkoj kaj povas estis metita en unu vico kun liaj Snêguroĉka (Neĝulineto) kaj Sadko. R. K. ĉiam serĉis novajn vojojn, aŭ pli bone diri ĉian novan operon li skribis en aparta stilo ĉerpante ĝin en konstanta evolucio de sia genio kaj en aparteco de teksta enhavo. Pro tio liaj operoj ne estas similaj unu al alia, kaj ilia muziko ĉiam kunfandiĝas kun teksto.

Muziko de « Ora Koketo » estas riĉa per reliefaj melodioj, riĉe orkestrita kaj mirinde farita en rusa-nacia stilo, ne perdante tamen sian internacian pure-muzikan signifon.

Jen iaj cenzuraj kuriozaĵoj : Caro Dodono estas ŝanĝita en vojevodo (militkondukanto).

— La vortoj de Astrologo (en prologo) : « fabelo estas mensogo, sed en ĝi estas aludo, al ia homa edifo », estas ŝanĝitaj en vortoj : « fabelo montras, kian potencon havas la pasio en homaj aferoj. »

Kiam astrologo petas caron Dodonon ke li jesigu sian promeson skribe, laŭ leĝoj, Dodono respondas : « Laŭ leĝo? » Kion signifas la vorto? Neniam mi aŭdis pri ĝi. Mia deziro, mia ordono — jen estas leĝo por ĉiu fojo ! Tiuj vortoj de Dodono estas ŝanĝitaj per vortoj : « Kion? Tio-ĉi estas novaĵo ! Ĉu vi pripensis viajn vortojn? »

Starigante novan imposton Dodono diras al popolo : « se iu vojevodo aŭ lia subulo (kolektante impostojn) volas preni iom pli, vi ne kontraŭdiru : tio-ĉi estas ilia afero ». Tiuj vortoj estas ŝanĝitaj per tiaj : « se iu el vi volos alporti iom pli, li donu ; tio estas lia afero. »

Apud Dodono mortinta la popolo kantas : li, saĝa, regis popolon kuŝante (dormante), manojn kunmetinte ». Vortoj estas ŝanĝitaj tiel : « li estis saĝa kaj juĝis nin tute prave » k. t. p , k. t. p.

N. Kabanov (Moskvo).

### IDEOJ & FAKTOJ

**Kiel bone oni konas en Italujo la diplomatian lingvon**

Ni tradukas jenan antikolon el itala jurnalo « Avanti » (Antaŭen). La artikolo estis represita de multaj italaj jurnaloj sed certe neniu konkludis por la neceseco enkonduki neŭtralan facilan helplingvon

Senatano P.,.., profesoro de internacia juro ĉe itala unuagrada universitato, riprezentinto kaj riprezentanto de Italujo en gravaj eksterlandaj komisioj, kiel raportanto de la komisio ekzamenanta la internacian konvencion pri malpermeso de nokta laboro de infanoj kaj virinoj enhavita en la franca teksto de la Konvencio, erarante pri la vorto *exploitation* ĝin tradukas kvazaŭ ĝi estas *explosion* kaj pri tiu ĉi naiva dusencaĵo kunkudras kaj prezentas el Senato ian sian strangan teorion pri cirkonstancoj de deviga forto (force majeure) kaŭzitaj de *neantaŭvidebla eksplodo ĉar ĝi ne havas periodecon*. Notu la leganto ke la teksto de la artikolo estas : « La malpermeso de nokta laboro povos esti forigita en cirkonstancoj de deviga forto

(force majeure), kiam en iu entrepreno okazas interrompo de ekspluatado ne antaŭvidebla, interrompo kiu ne havas periodan karakteron ». Al demandoj de senatano Buonamici de la Pisa Universitato, kiu ne bone estis komprenita, kaj petis ian klarigon, senatano P... respondas : « Mi diris ke ekzistas du esceptoj en kiuj oni povas laborigi la virinojn, krom la fiksitaj limoj, nome kiam en la fabriko okazis neantaŭvidebla eksplodo, kio starigas cirkonstancon de deviga forto, laŭ kiu oni volas helpi la industrion aŭ la socienton kiu suferis malutilon, permesante la rekomencon de la laboro. Tiu ĉi kaj ne alia estas la signifo de deviga forto. Tiele, almenaŭ, ŝajnas al mi ke kunkomisianoj kaj proponanta registaro komprenis la demandon. »

Senatano Bonamici ne respondis, kaj la stranga diskutado restas konservita en la dokumentoj de l'Senato, entenante la dankojn de l'ministro por la studo *diligenta, akurata kaj klera*, plenumita de la raportinto, senatano P... Sen komento !

O. Nanni (Konsulo, Bologna.)

**La Kooperacio en Rusujo**

La unua konsuma asocio en Rusujo estis fondita en 1865 : Nun estas 3.500 konsumaj asocioj (krom Finlando) 550.000 anoj. Konsumoj kaj aliaj kooperacioj komencis kreski aparte rapide de 1906, kiam la politika ondo plimalaltiĝis. La plimulte da konsumaj asocioj (85 %) estas en vilaĝoj.

En rusaj konsumaj kooperacioj oni pruntedonas produktojn pli ofte ol en okcidenteŭropaj landoj. En iaj vilaĝaj kooperacioj oni donas komercajojn al vilaĝanoj ne por mono, ne prunte, sed por iaj vilaĝaj produktoj (greno, ovoj, bruto, fiŝo...), aparte tia interŝanĝo ekzistas en Siberio.

Krom tio ekzistas en Rusujo 3.070 kreditaj asocioj kaj 1.616 ŝparpruntaj asocioj. Kreditaj asocioj ne nur pruntedonas, sed ankaŭ aĉetas agronomiajn ilojn, maŝinojn, semojn...; vendas grenon, fondas konsumajn magazenojn.

Fine ekzistas vilaĝanaj aĉetoj kaj vendaj asocioj (ĉirkaŭ 1.000); ili aĉetas ilojn, maŝinojn, semojn, sterkaĵojn...; edukas brutojn, abelojn, sekigas, purigas kaj dispecigas grenon, vendas grenon kaj legomojn. Iaj asocioj lastatempe larĝe organizos vendadon de greno.

Pro politikaj kondiĉoj en Rusujo la ligoj de asocioj tre malrapide disvolviĝos; nur ekzistas en eŭropa Rusujo du ligoj de vilaĝaj asocioj, unu en Peterburgo, alia en Rigo. La Peterburga ligo unuigas ĉirkaŭ 40 asociojn; la buterfaraj asocioj ekzistas ĉefe en Siberio; ilia nombro estas ĉirkaŭ 300 kun 120.000 anoj; ili posedas 700.000 bovinojn; la jara ŝpezo estas 16.000.000 spesmiloj; 40 0/0 de Siberia butero estas farataj en tiaj kooperacioj. Antaŭ unu jaro estas fondita la ligo de Siberiaj buterfaraj asocioj; tiu ligo unuigas 80 asociojn; ŝpezo de ligo en 1908 estis 3.500.000 Sm.; ĝi estas en komercaj rilatoj kun Anglujo.

N. Kabanov (Moskvo).

**Pri la proceso de Zagreb**

Pri la artikolo aperinta en Nº 66 de « Esperanto » ni ricevis la jenan leteron :

La Nº 66 de « Esperanto » enhavas artikolon, kiu, laŭ mia opinio, staras kontraŭ la principo de neŭtraleco en politikaj kaj naciecaj aferoj. La dirita Nº publikigas viĉon de efektivaj nekorektaĵoj, kaj kalumniajoj pro kiuj ĉiu Hungaro devas sin senti ofendita. La tasko de Esperantismo devas esti serĉi la ilojn por unuigi la homon kaj eviti ĉion, kio povas disigi ĝin. Tion devus Esperantistoj kaj Esperantaj gazetoj preni el la koro.

Ĉar ne povas esti la intenco de « Esperanto » inciti malamon kontraŭ la Hungara nacio, mi permesas al mi esperi, ke vi havos la bonecon deklari en la plej proksima numero, ke tiu senfunda kalumnio nur erare trovis akcepton en la kolonoj de via gazeto.

La artikolo enhavas tiel multe de insinuacioj kaj neveraĵoj, ke detala refuto estus neeble, escepte se oni volus skribi la tutan historion laŭ la efektivaj faktoj. Sed ĉar la raporto de S-ro Nebuŝka sin etendas dum tri jaroj, de 1907 ĝis 1909, tio plenigus ĉiujn kvar paĝojn de via gazeto.

Kio koncernas la Zagreban proceson, Hungarujo havas nenion komunan kun ĝi. Kroatujo estas aŭtonoma lando, havas propran juĝantaron kaj ĝiaj instruitaj juĝistoj, en publika traktado alportis la juĝon en la nomo de la reĝo. Estas do nevere, ke « senkulpaj homoj estis malliberigitaj », kaj nevere estas, ke tio estis farita « pro ilia honesta klopodo pri progreso kaj repaciĝo de Serboj kun Kroatoj ».

Koncernante S-ron Bjoernstjerne Bjoernson, kondamna publikigo aperis de li en ĉiuj gazetoj, post kio, en samaj gazetoj, kelkaj fortaj malafablaĵoj estis diritaj al li de unu el la plej eminentaj ŝtatviroj hungaraj kiu samtempe estas superstara membro de la paciligo. S-ro Bjoernson estis devigita deklari, ke li estis trompita de senkonscienca informanto. Rilate al la certigo de la kuracistino, S-ino Wistein el New-York, staru tie, kiel principo, ke ĉiu ŝtato rajtas difini, kia estas la lingvo de instruo en ĝiaj lernejoj; estas nature, ke en Hungarujo ŝtatlingvo estas la hungara kaj ne ekzemple la bohema. Sed hungara ŝtatlernejo troviĝas en ĉiu vilaĝo. Tuŝante la okazon de Ĉernova, en nenia ŝtato la registaro permesus funkcii en publika ofico iun, kiu estas punita. Tial eksparoĥestro Hlinka ne povas esti pastro, ankaŭ tiam ne, kiam la eraregita senscia popolo fariĝas incitita. Ĉar la popolo bonvole ne lasis komenci la oficon de tiu pastro, kiun la registaro elektis, oni estis devigita instali lin kun aŭtoritato de armiloj. La popolo bedaŭrinde estis sufiĉe blindigita, kontraŭstarigi sin al la armiloj. La malĝojaj konsekvencoj estas konataj. Ĝendarmoj ne komprenas ŝercon. La sciigo, laŭ kiu la sentenco : « slovako ne estas homo » estas legebla en ĉiu hungara gazeto, aŭ eĉ en unu serioza hungara gazeto, estas timema mensogo. Ke Lajos Kossuth kaj Sandor Petoefi estis slovakoj, estas ne vera.

M. Spitzer (Budapest).

⁂

Ni pro senpartieco la ĉi-supran respondon, sed, se oni relegas la aluditan artikolon pri Zagreb'a proceso, oni konstatos, ke la nacia ekscitiĝemeco de nia korespondanto malprave elmontriĝis. La artikolo de ni publikigita neniel ofendis Hungarujon, nek Hungarojn, sed priparolis proceson, kiun la plimulto de la Eŭropaj gazetoj severe juĝis. Ni konsideras, ke tiu diskuto, kiu nur povus sencele ekscití novajn ŝovinistajojn, tute malutilajn ĉe ni, estas nun finita.

Red.

# La Faktoj

6 decembro. — Antibes. — En la aerodromo de Lebragne, aviadisto Fernandes falas el sia aeroplano kaj mortas.

8 decembro. — Milano. — Solena ceremonio por rememorigi la trian jarcentfeston de la Biblioteko Ambrosiana.

Munhemo. — Mortas pentristo Hermann Kaulbach.

Milano. — Fermo de la ekspozicio de aviado.

10 decembro. — Romo. — Sonnino starigas novan ministraron.

12 decembro. — Romo. — Solena malfermo de l'internacia Instituto de terkulturado kaj akcepto de la naciaj delegitoj.

15 decembro. — Milano. — Direktebla aerŝipo de Inĝeniero Forlanini « Leonardo da Vinci » flugas super Milano.

Braunschweig. — Edziĝo de reganta princo kun princino Elizabeto Stolberg-Rossla.

16 decembro. — Firenzo. — Mortas zoologisto Henriko Hillyger-Giglioli.

Berno. — La Parlamento elektas kiel prezidonton de la konfederacio por 1910, Roberton Comtesse, el Neuchatel.

17 decembro. — Bruselo. — Mortas reĝo Leopoldo dua.

18 decembro. — Romo. — Malfermo de la deputatĉambro. Sonnino prezentas la novan ministraron.

Parizo. — Akademio de socialaj kaj politikaj sciencoj elektas kiel akademianon, Teodoron Roosevelt.

Cannes. — Mortas granda duko Mihailo Mihailoviĉ.

19 decembro. — Lisabono. — Ministraro eksiĝas.

21 decembro. — Londono. — Terura brulado de la kvartalo Clapham Junction. Multaj pereintoj. Dek milionoj da Sm., de malgajno.

Cetena. — Eksiĝo de la ministro de l'milito.

22 decembro. — Bukaresto. — La prezidanto de la ministraro Bratiano estas grave vundita pro atenco.

Lisabono. — Beirao starigas novan ministraron.

Blewsfilds. — Okazas sanga batalado en la respubliko de Nikaragua. Glo Estrada komandanto de la revoluciistoj venkis la partianojn de la prezidanto de la Respubliko.

A. Tellini.

**Jus aperis la kvara eldono de la Oficiala Jarlibro de U.E.A. por 1909, korektita kaj kompletigita 30 SPESDEKOJ**

## Internacia Dataro

Tiu ĉi rubriko celas doni por ĉiu tago de la jaro la datrevenon de la plej memorindaj faktoj de la historio de la Homaro. Alivorte ni deziras starigi internacian kalendaron kun la efemeridoj. Vere tutmonda senpartia dataro estas ebla nur kun la helpo de diversnaciaj kunlaborantoj. Ni petas de la legantoj korektojn kaj aldonojn al mia verketo.

A. Tellini, Vallescura II, Bologna.

**Januaro**

1. Kristana festo por rememorigi la ĉirkaŭtranĉon de Jezuo Kristo. — 1801 Alberto Piezzi en Palermo, malkovras la unuan asteroidon (malgrandan planedon). Cereso. — 1501 Sendependiĝo de Svisujo — 1886 Anglujo proklamas la anekson de Birmanujo en la Inda-Brita Imperio. — 1891 Mortas en Milano geologiisto abato Antonio Stoppani.
2. 1829. Mortas filozofo kaj ekonomiisto Melkioro Gioia.
3. 664 el la fondo de Romo, naskiĝas en Arpino, Marko Tulio Cicero. — 1875. Mortas Larousse, aŭtoro de la granda universala leksikono de la XIXª jarcento.
4. 1334. Naskiĝas en Chambery, Amedeo VI el Savojo, nomita la « Verda Grafo ».
5. 1588. Mortas en Bloè Katerino de Medici.
6. Epifanio, aŭ apero de la Sinjoro, festo de l'tri reĝoj aŭ de l'tri Maĝoj. — 1492. Triumfa eniro en Granadon de la katolikaj Gereĝoj.
7. Kristnasko laŭ malnova stilo. — Unua tago de Karnavalo. — 1715. Mortas kardinalo Fenelon ĉefepiskopo De la Motte Fenelon.
8. 1642. Mortas Galileo Galilei en Arcetri.
9. 1873. Mortas Napoleono III en ekzilo en Chislehurst (Kent).
10. 1860. Theodor v. Grimm starigas precizajn regulojn por estonta tutmondlingvo.
11. 1801. Mortas en Venecio komponisto Dominiko Cimarosa.
13. 1813. Emancipiĝo de la sklavoj en Buenos-Ayres.
14. Novjaro laŭ malnova stilo. — 1524. Johano Verazzano Florencano ekŝipiras el rifo apud Madero, kaj esploras la marbordojn de la Norda Ameriko (Hudsona golfo). — 1807. Naskiĝas en Stralsund Hermann Burmeister, direktoro de la Muzeo de Naturhistorio de Buenos-Ayres.
15. 1716. Filipo Vª de Hispanujo malpermesas la duelojn.

# TRA LA MONDO

### SAN SEBASTIAN (Hispanlando)

Same kiel ĉiu lando enhavas inter siaj urboj unu aŭ pli preferindajn urbojn, kelkajn ĉu pro beleco kaj pureco, la aliajn ĉu pro industrio, k. t. p., kies favorema famo, trapasante la landlimojn de Oriento al Okcidento, grandigas la nomon de la nacio; ankaŭ, inter kelkaj florantaj urboj de Hispanujo, famon akirigas urbo nomata *San Sebastian*.

Ĉi tiu urbo estas landlimo en la okcidenta parto de Francujo, ĝi estas duoninsulforma, ĝi estas banata de la frizitaj ondoj de la *kantabrika Maro*, ĝi estas ĉirkaŭata de la konkoforma sabla bordo kaj ĉiusezone ornamata de verdtapiŝita montoro, kies pentrinda vidaĵo ĉarmas la vizitantojn, kiuj, ju pli ĝin vidas, des pli ĝin amas.



Proksimume San Sebastian enhavas 50.000 loĝantojn kun grandaj kaj belaj konstruaĵoj tute novaj, ĉar la urbo ankoraŭ ne havas unu centjaron de kiam ĝi estas rekonstruita; ĝi estas somera restejo de la hispanaj geroĝoj kaj aristokrataro, kaj ĉu somere ĉu vintre la urba konsilantaro kaj *Granda Kazino* organizas longan serion da festoj, per kiuj oni komplezas la vizitantaron.

A. Tuduri (Del. San Sebastian).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

*OFICIALA INFORMILO*

**ADMINISTRA FAKO**

*Gravaj avizoj.*

La lasta tempolimo por la ricevo de la *balotiloj* estas fiksita je 15 Januaro por Eŭropaj landoj kaj 15 Marto por transmaraj landoj.

Ni rememorigas, ke la Delegitoj ne devas sendi al ni la liston de la repagintoj por 1910, sed nur la liston de la personoj eksiĝintaj aŭ rifuzintaj la repagon de la kotizaĵo kaj la liston de la novaj membroj (t. e. personoj, kiuj ne estis membroj dum 1909).

⁂ La subdelegitoj, laŭ la novaj § de la statuto, kiuj de nun dependas de iu Delegito kaj estis avizitaj pri tio, bonvolu de nun sin turni al sia regiona Del. por ĉio, kio koncernas U. E. A.

⁂ La Del. estas tre insiste petataj ĉiam skribi la nomojn de la novaj membroj sur specialajn membrolistojn, senpage sendatajn de ni, kaj ne sur poŝtkartojn aŭ mandatkuponojn.

⁂ Nova *Oficiala Bulteno* estas en preparo kaj aperos en februaro.

⁂ Je la 10 Januaro aperis la *kvara* eldono de la *Oficiala Jarlibro* por 1910. Tiu ĉi nova eldono, korektita kaj kompletigita, havas multajn novajn ŝanĝojn kaj aldonojn pri la servoj de U. E. A. Ĉiu Esperantiano, por eviti erarojn rezultantajn el la oftaj ŝanĝoj de adresoj, nepre devas posedi tiun novan eldonon. Prezo : 0.50.

*Oficiala tradukistaro.*

Ĝis nun la jenaj personoj akceptis la taskon de oficialaj tradukistoj de U. E. A.

G. Atanasov, Del. Sofia (Bulgara lingvo).
E. Backman, Del. Helsingborg (Sveda).
Bigalke Mohwinkel, Traduka Oficejo, Bromberg (Germana).
E. Missailidis, Del. Smyrne (Turka).
L. Moraes Sarmento, Del. Evora (Portugala).
I. Nenadoviĉ. Del. Belgrad (Serba).
R. Robert, Del. Paris (Franca).
S. Rudnicki, Del. Krakow (Pola).
D-ro Stamatiadis, Del. Samos (Greka).
A. Tellini, Del. Bologna (Itala).

**FAKO ESPERANTO OFICEJOJ**

*Esperantia librejo.*

Responde al la diversaj demandoj faritaj al ĝi lastatempe, la Esperantia Librejo liveras la jenajn informojn :

La katalogo de la librejo, kiu jus komenciĝas, ne estas ankoraŭ presita. Ĉar ĝi liveras ĉiujn librojn, insignojn, propagandilojn, k. t. p. oni povas uzi intertempe iujn ajn katalogojn.

La kondiĉoj por la vendado de la oficialaj eldonaĵoj de U. E. A. estas konigataj per la lasta nº de *Esperanto* kaj la 4ª eldono de la Jarlibro. Tiuj kondiĉoj estas samaj por ĉiuj kaj estas farataj nur al Delegitoj, Esperanto-Oficejoj aŭ librovendejoj. La mendoj estas sendataj afranke.

La kondiĉoj por la vendado de la Esperantaj libroj, propagandiloj, insignoj, k. t. p. estas fiksataj en la 4ª eldono de la Jarlibro. Krom la rabatoj montritaj, por mendoj superantaj jare 50 Sm. oni ricevos denove 3 0/0, por mendoj de pli ol 150 Sm. 5 0/0 jare. Tiuj specialaj rabatoj estos kreditataj al la klientoj en la fino de ĉiu jaro.

Klientoj dezirantaj preni librojn komisie ricevos kontraŭ depono de iu ajn sumo librojn por elekto, kiujn ili povos resendi en 6 monatoj aŭ interŝanĝe postuli samvalorajn aliajn. Ili do evitos la elspezon, pagante la poŝtelspezojn, spertiĝi, kio plej multe plaĉas al ilia klientaro.

**TURISMA FAKO**

*Gvidfolioj.*

La subfako gvidfolioj estis translokigita en Ĝenevon. Ĉiuj korespondajoj rilataj al tiu servo devas do esti adresataj al la centra Oficejo de U. E. A.

Ni rimarkas, ke malgraŭ niaj alvokoj nur 30 urboj ĝis nun eldonis gvidfolion. Tiu nombro estas tute ne sufiĉa. Por ke la institucio de la gvidfolioj servu al la vojaĝantoj, estas nepre necese, ke ĉiu urbo, kie estas Delegito, posedu sian gvidfolion. La unua tasko de Del. devas esti la klopodado por ke la loka grupo eldonu tiun gvidfolion, kiu permesos al la vojaĝantaj Esperantianoj havi la plej necesajn informojn pri la urbo. Ni ripetas, ke U. E. A. prenas sur sin la presadon de 1.000 gvidfolioj po 5 Sm.; el tiuj 1.000 ekz. 500 estas uzataj de ĝi por dissendado al la petantaj vojaĝantoj. Specimeno estas senpage ricevebla.

Aliparte, ĉar la gvidfoliaro estas per si mem bonega propagandilo por la turismaj servoj de U. E. A., la *Esperantia Librejo*, laŭ diversaj petoj, decidis, ke de la 10 Januaro ĝi vendos kolekton de *25 diversurbaj gvidfolioj* po Sm. 0.25, afrankite. Tiuj kolektoj estas tre rekomendataj al la grupoj, Esp. Oficejoj por propagando, elmontrado, k. t. p.

**Por konigi U. E. A. uzu la naciligvajn propagandilojn (france, germane, itale, hispane, ruse).**

## Esperantiaj Informoj

**El la Oficejo de Esperantio ;**
**Lastatempaj farîaĵoj**

Dum la jusa monato la Oficejo de U. E. A. plenumis la jenajn laborojn : Forsendo al ĉiuj Del. kaj Subdel. de la dokumentoj por agado dum 1910 — Balotigo de la Del. kaj repagigo de la kotizaĵo — Ĝiro de Subdel. kaj Del., kaj sendo de cirkulero-leteroj pri tio — Sendo de cirkulero-leteroj por kreo de Jura Konsilantaro kaj Tradukistaro — Plena reorganizo de la financa fako kaj kreo de nova librotenado — Funkciigo de la Esperantia Librejo — Ekzameno de la projektoj prezentataj al la Komitato.

Dum decembro estis ricevitaj (sen la presaĵoj) ĉirkaŭ 1,000 korespondaĵoj.

**Jubileo de Zamenhof.**

Okaze de la 50ª datreveno de la naskiĝo de nia majstro, tre multaj grupoj organizis sukcesajn festojn. Ni ricevis pri tio tre multaj raportojn, kiujn ni pro manko de loko kaj por ne favori tiun pli ol alian ni ne povas publikigi. Ni tamen sincere dankas la raportintojn kaj ĝojas pri tiuj manifestacioj de amo al Esperantisma ideo.

⁂

**Berlin.** — La Konsularo intencas prepari efikan propagandon por la disvastigo de U. E. A. en Berlin kaj instigi la Delegitojn de germanlingvaj landoj fari same. Ĝi do proponas al la Delegitoj de Germanujo labori kune kun ĝi. Ekzemple oni povus fariĝi kune la necesajn prospektojn kaj propagandilojn, germane presitajn, sendotajn al firmoj, entreprenoj k. t. p., pripensante ke oni povus presigi grandan kvanton pli malmultekoste. Oni do petas la Delegitojn de Germanlando, kiuj intencas partopreni je tiu ĉi propagando, sin turni Berlinon. Ĉiujn leterojn kaj demandojn oni bonvolu direkti al la Delegito de U. E. A., S-ro G. Rauch, Berlin Str. 29. Am Tempelhofer Berg 2 (Komunikita de la Del.)

**Sarogozz** (Hispanujo). — Okaze de la sukcesa festo por la Zamenhofa Jubileo, S-ro Franzo, nia nova Del. faris paroladon pri nia Asocio kaj ĝia granda rolo en la Esperantista familio. En aliaj urboj niaj Del. same agis.

**Cartagena** (Hispanujo). — La gazeto « El Porvenir » publikigis la paroladon de S-ro Privat en Barcelono, hispanigitan de nia tiea Del.

**Dresden.** — Al la nomoj de S-roj Dinger kaj Tesner, oni devas aldoni ĉi tiun de S-ro Radeck, erare forgesitan en nia lasta kroniko, kiu dank'al kiu la nombro de la lokaj Esp.-ianoj ankaŭ multe pligrandiĝis.

**Ĉiuj Esperantianoj uzu la Esperantiajn markojn vendatajn por la centra kaso.**

## Esperantia Parolejo

**Propono**

En la nº 64 de *Esperanto*, S-ro Tomiĉ tre prave plendis pri manko de verdaj steloj en la esperantistaj butontruoj. Vojaĝantaj Esperantistoj ofte ĉagreniĝas vidante nek stelojn nek aliajn propagandilojn kiam ili alvenas en staciDomon de iu urbo. Kiel ofte malgraŭ diversflankaj demandoj ili povas ekscii nek unu esp. adreson !

Oni povus tre facile kontentigi la vojaĝantojn esperantistajn. Ĉu ne estus eble al ĉiu esp. grupo starigi tabulon kun videbla verda stelo kaj surskribo *Universala Esp. Asocio* en la perono de stacidomoj, afiŝante la adresojn de la delegito, diversaj konsuloj, ĝia sidejo k. t. p., por ke la mizeraj vojaĝantoj ne estu devigataj vane serĉi la supremonitan kredante ofte al la malnovaj adresoj, troveblaj en la adresaroj.

Esperantianoj estas petataj fari siajn rimarkojn pri tiu tiu ĉi rubriko.

R. Rusĉiĉ (Graz).

Tu propono estas nun en studado, sed ni dume rimarkigas, ke la *gvidfolio* estas unu el la plej oportunaj rimedoj por konigi la ĝustajn adresojn de la Del. konsuloj, Esp.-Of. k. t. p.

(Red.)

**Daŭra marŝo tra la mondo**

En 1900ª, Arthur Winterfeld, 17-jara germano el Dresdeno komencis daŭran marŝon tra la mondo, kontraŭ premio da 75.000 Sm., se post 15 jaroj li estos vizitinta ĉiujn terpartojn, laŭ parte difinita plano. Dum Junio kaj Julio la energia junulo nun 26 jara restadis en Patras, kaj mi kaptis la bonan okazon prezenti al li Esperanton kaj U. E. A.; de Esperanto li jam estis multon aŭdinta antaŭ kelkaj jaroj en Hispanujo, sed nun mi sukcesis, lin instrui en la elementoj de nia lingvo, kiun li fervore studos dum la proksima tempo; ĉar li bone komprenis la gravecon de la lingvo kaj de nia Asocio, al kiu li tuj aniĝis (495-22-17) kaj mi petas ĉiujn oficistojn de U. E. A., doni al S-ro Winterfeld la de li bezonotajn kaj petotajn servojn. Li jam estis en ĉiuj landoj de Eŭropo, de ambaŭ Amerikoj, kaj laŭ longe la norda bordo de Afriko; foje en trans Malgranda Azio, duan fojon trans Egiptujo kaj Sudanlando, sekvos la orientan bordon de Afriko ĝis Kaplando, vizitos Madagaskaron,

FELIETONO DE « ESPERANTO »

2

# LA KATO

de D-ro Johano RAJBERTI

Ne jam naskiĝus katideto, ĝi tuj estas liberigita de la konkurenco de gefratoj, kiuj plej ofte estas oferitaj por amasigi sur ĝin solan ĉiujn la utilojn de enviita vivo. Estas la aplikado iom severa de la sistemo de la unuenaskiteco eĉ estas la plej alta perfektigo de ĝi, kaj tio estas bona. Klereco kaj feliĉo estas ĉi tie malsupre sorto por malmultaj : kiu mortis jam estas mortinta feliĉega kiu havas malmultajn parencojn aŭ nenian. La geinfanoj ekscias miritaj, ke oni *portis* hejmen katidon, same kiel de tempo al tempo oni portas hejmen frateton : kaj ili kuras por ĝin vidi, laŭdi, tuŝi kaj fari ĉirkaŭ ĝi feston kaj ĝojan bruegadon. La katino-patrino, kiu vidante vizaĝon fremdan kaj suspektan fariĝas tigro, pacience toleras tiun ĉi interpuŝon, kaj kvazaŭ sentas kontentiĝon kaj apenaŭ per mallaŭta plendo (*brrŋn*) montras al la plej maltranklia infano la devojn de l'diskreteco. Tio devenas el tiu alta grado de sagaceco kaj de sociala lerteco kiu ĉe ĝiaj infanoj el ĉiuj aliaj bestoj; kiu iafoje antaŭeniras afabla kaj ne hezitanta por naski la karesojn maldelikatajn kaj pezajn de nekonatulo havanta honestan mienon, aliafoje restas malproksimeco kaj singardema, kaj ĉu per proponoj ĉu per dorlotoj ne lasas tiun alproksimiĝi, kiu montras apenaŭ percepteblan intencon fari ian ĵonglon ? Ŝajnas ke ĝi legas en la koro kaj diveneas la malbonajn intencojn kaj sufiĉas al ĝi vidiĝi tre multe dezirata sen ia motivo, por ke li inkliniĝu al plej granda malkonfido. Malfeliĉe ke lecionoj hejmaj, tiel klaraj, ĉiutagaj, perdiĝas sen ia utilo por la homaro ! Kia ŝparo de doloraj malfeliĉoj kaj de maldolĉaj pentoj, se multaj lernus de la kato esti singardemaj kun la novekonatuloj, ne malfermi la koron al la unua flatemulo, ne fari profitan ligon kun la unua fripono kiu prezentiĝas antaŭ ili.

Nia malgranda amiko kreskas meze de la karesoj kaj zorgoj de la familio, trinkante bonegajn buljonojn kaj gustumante la plej delikatajn frandaĵojn tuj kiam tion permesas al ĝi la fortoj de la dentoj kaj de la ventriklo. Tiu ĉi bonstato fizika kaj morala disvolvas en ĝi la sentojn de la gajeco kaj ĝojeco, kiuj en la plenaĝo montriĝos en kvietan kaj trankvilan spiritserenecon alkondukantan al la mallaboremo kaj al la sufiĉmeditema vivo. Observu ĝin; ĝi amuzas ankaŭ sola, ĉar la kato, kutime, sufiĉas al si mem. Rubando pendanta el seĝo, franĝo de litkoverto, fadenvolvaĵo malbone gardita, ĉio taŭgas por ĝi kiel honesta amuzaĵo. Kiam mankas aliaj iloj, ĝi amuzas eĉ per sia propra vosto, kaj kurante posten de ĝi, kiu ĉiam forkuras, eble ĝi estis la unua kiu inspiris al la filozofoj la ideon de la rondo mallogika. Ĉu ĉifdifektas la ĉapelon de l'mastro : poste ĝi kuŝiĝas interne de ili kaj tie plidaŭrigi pozoj; ĉar ĝi ne ridas ĉar la veraj kaj kapablaj ŝercemuloj neniam ridas : mi vokas kiel atestantojn la emfazajn humanecajn deklamadojn. Se vi ja helpas ĝin en la la ludado. ĝi rezistas dum multaj horoj. Vergo kiun vi agitos antaŭe, paperbuleto kiun vi ĵetos antaŭ ĝiajn piedojn, igas ĝin mirinde kuri, salteti kaj kunruliĝi. Vespere okazas veto de la infanoj por havi la kateton en la lito, kaj ĝi havas la bonecon eble ne rifuzi sin tute al ĉies favoro sen hezito kaj sen subi la litkovertojn kaj favori la dormon per la dorlotema muziko de sia *fron-fron*.

*La Kato simbolo de libereco*

Ĉio ĉi kredigus ke la kato estas obeema amiko, preta al viaj kapricoj, almenaŭ kiam ili akordiĝas kun ĝiaj komfortoj. Sed atendu kelkajn semajnojn kaj poste vi vidos. Iun tagon ĝi trovas malfermita la pordon kaj deziro de novajoj ĝin instigas supreniri la ŝtuparon kaj eniri en la subtegmenton. El tie tra tegmenta fenestreto ĝi supreniras sur la tegmenton por spiri iom da libera kaj pura aero, kaj por ĝui kiel sia rigardo parton de la urbo. Kalkulu ja ke de tiu momento ĝi fariĝis plenaĝa liberigita de ĉia dependeco de la familio. Ne suspektu, miaj karaj, ĝi ĉiam restos via kato; ĝi reniros por tagmanĝi kaj vespermanĝi, tre multajn fojojn ankaŭ por dormi ; ofte okazos ke ĝi dum la tago ne eliros el la domo ; ĝi faros longan akompanon al la virinoj kiam ili laboras, ĝi restos mutaj kun ili apude de la fajrujo precipe ĉe tiu de la kuirejo; sed ĉio ĉi faris ĝia plezuro sen devigo kaj regulo, tute sendepende de via volo, ne pravigante siajn longegajn forestojn kaj la gravajn kaj oftajn modifojn de sia vivmaniero. Fiksu bone en via plezuro ; ĝi vivas nur por si mem, kaj neniel zorgas pri vi, se ne por kiam vi ne estas pretaj al ĝiaj deziroj. Ekzemple ĝi ne demandite venos tridek fojojn, ripozi sur viajn genuojn, la tridekunuan fojon, kiam vi ĝin alvokos, ĝi ne volas, kaj se ĝi ne volas nenio helpas. Kaptu ĝin kaj tenu ĝin perforte, kaj ĝi ŝajnos dum momento fleksiĝi, sed tuj vi devos ĝin lasi, ĝin libera, ĝi forkuros.

Ju pli vi obstinos, des pli ĝi plifortigos sian obstinon, kaj sian kontraŭdiran inklinon. Fine, vi povos ĝin ankaŭ mortigi : sed vi neniam ricevos de ĝi kontraŭvole aĝon vi la plej malgrandan de submetiĝo, de obeemo ; tio ne por eterne, eĉ se la mondo devus disfali. *Ho* kia besto plena je karaktero ! Kia altega instinkto de fiera sendependeco ! De tiu sendependeco kiu havas la solan pravigon en si mem. La klasika arto volis personigi la liberecon per virino, dum la virino estas ĉiam sklava. Ni esperu ke la romantikismo meze de tiom da kuraĝegaj kaj gravaj novajoj tiun ĉi ekkonduku, nome simboligi tiun diinon per katino : kvankam ni estas konvinkitaj ke se ni perdos iom laŭ la estetika vidpunkto, ni estos large kompensitaj per la vereco de le elpenso.

Libereco estas ideo aŭ vorto, kiu deliriĝas, lacigas kaj bataligas ĉiujn generaciojn. Vorto, mi diris, ĉar ĝi estas egala por ĉiuj. La ideo varias laŭ la cerboj, eĉ por la cerboj sen ideoj ĝi neniam estas alia afero ol la kunmetado de kelkaj literoj. Multaj eltiras el la libereco tiun ĉi konkludan ideon : « Obei kiel eble plej malmulte, kaj regi kiel eble plej multe estri ». Multaj aliaj preferas formuligi ĝin tiel : « estri kaj obei neniam ». Kiu posedas saĝon tuj komprenas kia ĥaoso fariĝus la societo, ĉu en la unua ĉu en la alia maniero. Tamen la kato sekvas la duan partion, kaj por si mem alkondukas al vera kaj praktika realeco tion kio por la homoj estas eterna himero. Sed la plej malbona estas ke la homoj estas dignaj je la libereco kaj tamen ili konas nur volas ĝin kompreni, ĉar ili estas ne kapablaj ĝin ĝui ; kaj ankaŭ kiam per terorojn kaj sango ili atingis ian ajn publikan liberecon, ili stulte rapidas denove al la privatan liberecon, la veran kaj plej bonan liberecon, antaŭ la altaro de la pasioj. Tiu fariĝas sklavo de la avareco, tiu de la ambicio, tiu de la virinoj, tiu de la manĝegemo, tiu de la ludado, tiu de la mallaboremo ; ĉiuj tiranoj multe pli kruelaj kaj teruraj ol tiuj kriegas kaj frapas la piedojn sur la teatro de Alfieri. Aliaj klopodas senĉese por fariĝi servistoj de la artifikaj bezonoj, strangaj, naŭzaj, sin alkondukante, ekzemple, al la nekapableco rezisti du horojn ne fumante tabakon aŭ du minutojn ne ĝin flarante. Aliaj havas la talenton elĉerpi siajn proprajn katenojn eĉ el la maro de la superstiĉoj, kaj sin kondamnus suferi malsaton prefere ol manĝi ĉe mangotablo kun dektri gastoj kaj forlasos vidi sian patron la lastan fojon prefere ol ekvojaĝi vendredon. Ĉiuj fine perfekte akordiĝas por ĉiam pli ĉirkaŭpremi al si la kapoŝnuron de la sklaveco samtempe kiam ili progresadas sur la vojo de la tiel dirita civilizacio, altrudante al si reciproke la amuzaĵojn, la kredojn, la antaŭjuĝojn, la modojn, la decreĝulojn, la etiketojn, la kaŝemojn, la epokojn por renkontiĝi aŭ forkuri kaj fari samtempe la du agojn per la vizitkartoj, la manieron sin vesti, ornami la domon, paroli, danci, la horojn por promeni, halti, tagmanĝi, dormi. Ĉu por tiuj ĉi individuoj oni elpensis la liberecon ?

Kredu tion al mi, miaj karaj : homoj kaj bestoj kiuj vivas kun tiuj kaj por tiuj, estas ĉiuj sklavoj, ĉiuj escepte la kato. Kiu vere scias ĝui trankvile la efektivajn utilojn, kiujn la vera materiala progreso enkondukas en la domojn, kiel la mildan disvastigitan kaj unuforman varmeton de la fornoj, la molajn elastajn kusenojn, la delikatajn spicajojn de la kuiristo ; sed ĝi rifuzas la submetadon kaj la ĉiam pliigantajn sociajn postulojn, kaj ne lasas ĝeni al si la animon per iu nova sistemo, ne al la ĉiutaga diligentado ĝis ĉion egala al si mem li pensas kaj agas hodiaŭ tutsame kiel antaŭ kvin mil jaroj : tial ke sur ĝi, kiu vivas en la familioj ankaŭ la plej koruptitaj, ne havas lian influon tiu terura infekto kiu estas la malbona ekzemplo kaj la malbonaj kunvivantoj.

(*Daŭrigota.*)

transiros al ambaŭ Hindujoj, penetros en Ĥinujon, en Japanujon, kaj faronte sian lastan viziton al Aŭstralio kaj eble Nova Zelando, li finos en 1915a sian pilgrimiradon, kiu pruvos, ke homa volo povas daŭre venki multajn malhelpaĵojn. S-ro Winterfeld portas la verdan stelon, kaj « ĵurnalo » « Corriere delle Puglie » de l'10a Julio menciis, ke li parolas Esperanton. Mi deziras al mia samnaciano bonan vojaĝon, kaj esperas ke la helpo al li de U. E. A., kaj de Esperanto estos same granda kaj propagandiga.

Paul Büneman,
(S.-D. 495-22-1, Patras, Grekujo).

Oni legu atente la 4an paĝon de *Esperanto*.

# Varietea Mondo

Studante la evoluan historion de l'Esperanta movado oni trovos, ke ĝia karaktero precipe en la lasta epoko tute aliiĝis. En la unua periodo oni lernis esperantan lingvon pro idealaj kaŭzoj kaj por propagandi ĝin. sed kun la kreskanta disvastiĝo de l'lingvo aliĝis ankaŭ personoj, kiuj volis uzi kaj apliki ĝin por specialaj aferoj. La sekvo estis, ke en la posta tempo formiĝis diverspecaj asocioj, kiuj sukcesplene uzis esperantan lingvon en internaciaj kunvenoj, kongresoj k. t. p.

La plej rimarkinda kaj grava okazintaĵo en la lasta tempo sendube estas la fondo de l'faka asocio « Varietea Esperantista Ligo » de S-ro Karl Schwarz.

Antaŭ kelkaj semajnoj ni jam raportis pri tio per speciala artikolo en esperantaj gazetoj kaj per specialaj cirkuleroj, dissenditaj al kiel eble plej multaj grupoj kaj samideanoj. Tie ni jam detale klarigis la gravecon de tiu ligo por nia movado kaj ne estas necese, ripeti tion ankoraŭ unufoje.

De post anoncado de l'fondo de V. E. L. la direktantaro tute ne forlasis la persekutadon de l'afero. Fervore oni laboris pri ĝia organizado. sed la tuta organiza laboro estas tro ampleksa por fini ĝin dum kelkaj semajnoj. Sed tamen dank'al la afableco kaj helpemeco de niaj samideanoj prosperis al la direktantaro bone progresigi la laboron. Kiel ni jam sciigis oni estas starigonta informejojn kaj helpon. Jam multe da eminentaj samideanoj sekvis nian alvokon kaj fariĝis varieteaj konsuloj kaj sciigoj el ĉiuj partoj de l'mondo pruvas, kiel bone oni komprenas la gravecon de nia ligo.

Sed kun la kreskanta amplekso de l'tuta afero oni spertis, ke ne estas plu eble, direkte anoncigi ĉiujn sciigojn al la membroj kaj konsuloj. Pro tio oni decidis, elekti ligajn gazetojn, en kiu oni publikigos ĉiujn ordonojn, sciigojn, novaĵon k. t. p. Kiel esperantaj ligaj gazetoj oni elektis la oficialan gazeton de U. E. A. « Esperanto » kaj Germana Esperanto-Gazeto en kiuj aperos unufoje en la komenco de ĉiu monato speciala parto kun la titolo

« *VARIETEA MONDO* ».

Ĉi-tie ni instruos niajn membrojn kaj konsulojn pri la tuta liga afero, pri ĝia evoluado. pri varieteaj novaĵoj k. t. p. Oni publikigos la nomojn de ĉiuj varieteaj konsuloj kaj de estontaj novaj membroj. Oni instaligos ankaŭ specialan esperantan parolejon, en kiu oni respondos mallonge ĉiujn ĝenerale interesajn priligajn demandojn. Pro tio varietea mondo ne nur interesos niajn liganojn kaj konsulojn, sed ankaŭ ĉiujn aliajn samideanojn, kaj ni esperas, ke ĝi havigos al ni multe da novaj anoj kaj amikoj.

La fonda jaro de l'ligo 1909 preterpasis. En ĝi ni nur havis mallongan tempon por labori. Sed en la nova jaro ni fervore laboros, por ke la semo plantita en pasinta jaro eliĝu el la tero kaj jam donu fruktojn. Al ĉiuj niaj samideanoj, kiuj tiel afable helpis nin ĝis nun. ni koreĝe dankas kaj esperas, ke ili ankaŭ plue donos sian helpon al nia ligo. Tiamaniere iom prospe ros al la liga direktantaro, belege konstrui la ligan konstruaĵon, ke ĝi estu ornamaĵo en Esperantujo. Antaŭen samideanoj ! Venu al ni kaj kunlaboru kun ni. La artistoj ne forgesos la afablan bonvenon en la esperantistaro kaj estos dankemaj por tio.

Pro jarŝanĝo al ĉiuj membroj, konsuloj, helpantoj kaj ligaj amikoj feliĉan novjaron !

La Estraro de V. E. L.

## Ligaj Informoj

*Al la konsuloj.* — Pro manko da loko ne estas eble al la redakcio, jam publikigi en ĉi-tiu numero la nomojn de l'ligaj konsuloj. Ni faros tion regule de post apero de l'proksima No.

Ankoraŭ en ĉi-tiu monato niaj konsuloj ricevos detalan cirkuleron pri internaj ligaj aferoj.

* *

Pro deŝarĝigo de l'ĉefsekretario oni elektis kiel redaktoro S-ron K. Bigalke, Bromberg, Germanujo, Berlinerstrasse, 30, al kiu oni bonvolu adresi ĉiujn ĝenerale interesajn pri varieteaj informoj.

Ĉiujn aliajn informojn, informpetojn, k. t. p. oni bonvolu adresi al la *oficejo, al l'ĉefsekretario Otto Linse, Bromberg, Germanujo, Bromberg, Neuer Markt, 8.*

B.

Ĉiuj Esperantianoj repagu sian kotizaĵon por 1910.

# La Kongreso de la Bohemaj Esperantistoj

Pro manko de loko ni ne povis pli rue enpresi la suban interesan raporton.

Efektiviĝis la revo de bohemaj Esperantistoj — unua nacia kongreso — aranĝita la 26, 27, 28 de septembro.

Tiu ĉi grandioza manifestacio pruvis, ke la ideo de helpa lingvo trovas la plej bonan komprenon en ĉiuj sferoj de bohema nacio.

Sukcesa rezultato de la kongreso estas jam nun videbla. Dum antaŭe en multaj urboj interesiĝis pri Esperanto sole individuoj, dediĉas al ĝi hodiaŭ meritita atenton la plej gravaj korporacioj kaj el multaj lokoj alvenas preskaŭ ĉiutage sciigoj pri fondado de novaj kluboj, kiuj plimaltigas la nombron de la societoj, grupigitaj en Centra Asocio Bohema Unio Esp.

Tiu ĉi morala sukceso estas la plej bona rekompenco al ĉiuj membroj de la prepara komitato, kiuj ofereme laboradis por atingi la fiksitan celon. Kun senlaca zorgemo direktadis la preparajn laborojn s-oj : Jan Hradil, prez., Ing. Fr. Kühnl, vicprez. V. Parik, sekr., J. Kopecky, kasisto, kaj vico da fervoraj laborantoj, membroj de esp. kluboj en Praha.

La kongreson diskonigadis multnombraj raportoj en ĉiutagaj ĵurnaloj bohemaj kaj en esp. gazetoj fremdlandaj, broŝuroj kaj afiŝoj dissendataj al ĉiuj interesiĝantoj kaj elpendigataj en ĉiuj pli grandaj urboj, gustoplenaj glumarkoj kaj artistaj vidaĵkartoj.

Plej multe oni klopodis gajni por la kongresaj kunvenoj ejojn, korespondajn al signifo de tiu ĉi manifestacio: Malfermo kaj fermo de la kongreso okazis en halo de Frukta Borso, kongresa agado de la dua tago estis transmetita en kunsidan salonon de la Komerca kaj Industria Ĉambro, ekspozicio estis aranĝita en artista salono de esp. librejo de S-ro Topiĉ. Por la esp. teatra prezentado oni elektis Intiman teatron en Smichov (antaŭurbo de Praha), la ekzamenoj pri Esp. havis lokon en bohema Politekniko. De la nomitaj konstruaĵoj flirtis esperantaj standardoj dum la tuta kongreso.

La plej grandan brilon liveris al la kongreso protektorato de urbestraro de reĝa ĉefurbo Praha, kiu donacis al kongresaj celoj sumon de 500 K.

La saman komplezemon montris la urbestraro de antaŭurbo Kralovské Vinohrady, kiu per subvencio de 50 K ankaŭ esprimis sian simpation al nia ideo.

Same oni devas danki al multaj societoj kaj al apartaj amikoj de Centra Asocio B. U. E., kiuj per rimarkindaj sumoj helpis pligrandigi sukceson de la bohema manifestacio.

Kongresa movado translokiĝis el oficejo (en kafejo « Union ») ankaŭ en avenuojn de Praha; kaleŝoj ornamitaj per esp. flagoj altiris la plej grandan atenton de pasantoj, kiuj vive diskutadis pri Esp. En la elmontraj fenestroj de librovendistoj aperis verkoj esperantaj sur la ĉefa loko kaj ĉiu penis esti informita pri la kongreso kaj pri Esp. mem. Gazetartikoloj rilatantaj Esperanton fariĝis ĉefa temo de interparoladoj en publikaj lokoj — estis neniu, kiu ne elmontris intereson pri Esperanto. Oficejo de B. U. E. viviĝis per vizito de kongresistoj, kiuj alvenadis el tuta Aŭstrio kaj fremdlando. El pli grandaj bohemaj urboj estis organizitaj specialaj ekskursoj.

Sabaton, okazis propaganda parolado de S-ro Dro. Fousek pri la signifo de Esperanto, sekvita kun intereso de kelke da centoj de aŭskultantoj.

Dimanĉon matene estis la kongreso solene malfermita en la Frukta Borso; la granda, bele ornamita halo estis okupita de 360 kongresanoj. Aranĝo de la ornamoj estis tre gustoplena : ĉirkaŭ la muroj estis fiksitaj flagoj de ĉiuj slavaj nacioj, super la podiumo pluŝa drapiraĵo kun brodita emblemo de Bohemujo — duvosta leono, frunte granda bildo de D-ro Zamenhof. Sur la podiumo okupis lokon la elektita komitato kaj delegitoj el fremdlando kaj de grupigitaj societoj. Inter la gastoj oni rimarkis multajn eminentulojn.

La kunveno estis malfermita per la himno « La Espero ». Poste alparolis prezidanto de Unio Esperantista s-ro Hradil, sciigante, ke D-ro Zamehof akceptis la titolon de honora prezidanto de la kongreso kaj ke urbestro de Praha senkulpigas sian foreston. Tiam vicprezidanto de Eksporta Bohema Societo s-ro Volesky malfermis la kongreson, aludinte la venkan kaj triumfan progreson de Esperanto en bohemaj landoj.

Prezidanto, salutinte la delegitojn kaj gastojn, parolas pri la signifo de kongresoj naciaj kaj dankas al ĉiuj, kiuj helpis efektivigon de nia unua manifestacio. S-ro Kühnl legas nun leteron de D-ro Zamenhof kaj grandan vicon da salutaj telegramoj kaj leteroj venintaj el ĉiuj urboj kaj el la plej malproksimaj landoj.

Poste sekvis aplaŭde aŭskultitaj paroladoj de fremdaj reprezentantoj : f-ino Lillian Holt por Anglujo, s-ro Miroŝeviĉ de Sorgo por Kroatujo, s-ro Peĉigargov por Bulgarujo, s-ino Salmfels por Francujo, s-ro Steier por Germanujo, s-ro Ohlson por Svedujo, s-ro Boschan por germana societo en Praha, s-ino Hradilova por bohemaj virinoj. Grupigitaj societoj sendis telegramojn aŭ delegitojn. Sume estis reprezentataj el 40 societoj 33. Reprezentanto de Sokola Unio salutis en nomo de bohemaj gimnastoj.

La kongreso sendis salutajn telegramojn al aŭstria imperiestro, al nia kara majstro, al ĉefa propagandisto prof. Cart kaj al direktoro Durieux. Post fermo de la kunsido forveturis la ĉeestintoj per flagornamitaj veturiloj al komuna tagmanĝo en « Nacian Domon » en Kral. Vinohrady (antaŭurbo). Posttagmeze okazis eksterordinara ĝenerala kunveno de Centra Asocio B. U. E., kiu elektis sekvantan komitaton: Jan Hradil prez., Prof. dr. V. Rosicky vicprez., Boh. Davidek kaj red. Ed. Kühnl sekret., Jar. Kopecky kas. Laŭ propono de s-o Ed. Kuhnl estis unuanime konsentite, ke estu invitita por jaro 1910 slava kongreso en Bohemujon kaj tiu ĉi decido estis publike proklamita kaj aprobita en la ferma kunsido kongresa. *La kongreso ĉeestita de 360 partoprenintoj kaj ĝenerala kunveno reprezentanta 46 societojn komisiis la komitaton de Centra Asocio Bohema Unio Esperantista per preparaj laboroj,*

Je honoro de kongresanoj estis aranĝita vespere Solena Festo, sur kies programo estis granda vico da kant-kaj muzikpecoj de bone konataj bohemaj artistoj.

Lundon okazis en ĉambro de bohema politeknika lernejo kunsido de Ekzamena komisio de Centra Asocio B. U. E., kiu ekzamenis kvar kandidatojn, el kiuj tri tre bone sukcesis. Post specialaj kunvenoj, inter kiuj ni nomas tiun de delegitoj de U. E. A. kaj ĝeneralan kunvenon de Ligo de izolaj samideanoj bohemaj en Aŭstrio, estis daŭrigata kunsido de ĉiuj kongresanoj, en kiu parolis tre interese pri elektitaj temoj s-oj red. E. Kühnl, F. K. Svaĉina, D-ro Fousek kaj K. Prochazka.

La unua traktas pri Esperanta literaturo kaj jurnalistiko. (Statistiko pri la literaturo estas pli potenca argumento pri vivo de Esperanto ol teoria parolado. Signifo de « Fundamento de Esperanto », kiu jus eliris en bohema traduko. Ĉefaj verkistoj esperantaj. Eldonejoj. Historio de gazetoj. Specialigo de propaganda laboro — gazetoj fakaj. Literaturo por fakistoj kaj blinduloj ; muzikaĵoj. Bohemaj Ŝlosiloj de Ĉefeĉ, disvenditaj kaj disdonitaj en 50.000 ekz. inter Bohemoj.)

S-ro Svaĉina : Pri signifo de Esperanto por instruisto. (Solvo de la problemo de lingvo internacia per Esperanto. Favoro de ĵurnalistoj. Instruado pri E. en fremdlandaj kaj bohemaj lernejoj. Esperanto en Lille. Kolektado de vidaĵoj k. t. p. el fremdlando. Intereso pri E. inter lernantoj. Informoj reciprokaj, vojaĝoj, somerloĝejo ĉe fremdlingva samideano-intruisto. Instigo al enkonduko de Esperanto en ĉiujn lernejojn.)

D-ro J. Fousek : Esperanto por juristoj. (Malfacilaĵoj en aŭstria leĝaro publikigata en 10 lingvoj, kies traduko ne signifas ĉiam la samon ! Ekzisto de esperanta traduko estus bona helpilo ankaŭ ĉe starigo de novaj leĝoj fremdlande. Komuna leĝo pri kelkaj komercaferoj, kambio, Signifo de E. por kriminalisto. Internacia juro, pacaj konferencoj.)

K. Prochazka : Signifo de Esperanto por la bohema nacio. (Esperantisto povas ĉiam servi al sia nacio per Esperanto. E. koncernas sole rilatojn kun fremduloj. La vera kosmopolitismo kaj internaciismo ne postulas, ke oni forgesu sian patrujon. E. por malgrandaj nacioj ; informoj al fremduloj pri politika kaj historia situacioj, raportoj pri okazintatoj en nacia vivo. Artikoloj de bohemaj Esperantistoj en fremdaj gazetoj. Esperantistaj gastoj en Praha ; gvidlibro esperanta. Internacia vivo.)

Posttagmeze oni vizitis la urbon kaj la esperantan ekspozicion : tiu ĉi « ora najlo » surprizis per granda kvanto da elmontraĵoj kaj belgusta aranĝo eĉ niajn fremdajn gastojn, kiuj vidis la ekspoziciojn kongresajn kaj kiuj plej laŭde sin esprimis pri tiu ĉi interesa kolektaĵo. El dek mil poŝtkartoj, kiujn la bohemaj samideanoj prunte donis je dispono de la aranĝantoj, oni elkonstruis vastan labirinton. Granda surmura karto de Bohemujo kaj multaj statistikaj bildoj montris la potencan kreskadon de Esperanto kaj de B. U. E. Sur la tabloj estis elmontrita preskaŭ la tuta literaturo de Esperanto. La biblioteko de Esperantista Klubo en Praha mem enhavas preskaŭ 600 verkojn. Historie valorajn verkojn oni vidis en riĉa kolekto de redakcio de « Ĉasopis Ĉeskych Esperantistů ».

Vespere pleniĝis la teatro en antaŭurbo Smichov, kie oni ludis laŭ iniciato de bone konata bohema artisto Tiŝnov esperanten tradukitan « La koboldo de Zvikov » kaj boheman komedion « La burĝono ». Koncerne la esperantan parton oni devas elkonfesi, ke la tradukinto (s-ro V. Tobek) kaj ĉiuj aktoroj multe servis al Esperanto, doninte al bohema publiko okazon priŝati ĝian belsonecon kaj riĉecon.

Mardon, sekvis la dua vico de paroladoj : K. Kuthan : Pri signifo de Esperanto por studentoj. (studenta rondeto esperantista en Praha, nova gazeto Studento.)

Red. E. Kühnl esperante : Tutmondaj kongresoj esperantistaj kaj ilia celo. (Historio de Esperanto, unua kongreso, okazo, por fondado de fakaj societoj, ebleco vojaĝi tra landoj fremdlingvaj.)

Rev. Kratochvil : Esperanto por turistoj. (Priskribo de nunjara vojaĝo en Londonon kaj tra Antverpeno, U. E. A.)

Prof. Dr. Rosichy : Esperanto por scienculoj. Lingvo latina. Comenius 1611 pri helpa lingvo. Internacia Scienca Asocio T. E. K. A.)

La paroladoj estis aŭskultitaj kun plej viva intereso kaj aperis laŭvorte represitaj en Oficiala Raporto eldonita de red. de « Ĉasopis Ĉeskych Esperantistů ».

Tagmeze estis la Kongreso solene fermita.

Post la festaj tagoj aperis en bohemaj gazetoj longaj raportoj pri la manifestacio, kio plej multe altiris atenton je signifo de Esperanto kaj tuj oni rimarkis laŭ granda kvanko da informopetaj leteroj venintaj en la oficejon de B. U. E.. ke la kongreso atingis sian celon. Ĉar la komito de B, U. E., ke la kongreso atingis sian celon. Ĉar la komitato de B. U. E., ne povus de nun respondadi ĉiujn similajn leterojn pro sia laboro organiza, ĝi transdonis ilin al nova, laŭ iniciato de s-ro K. Prochazka jus fondita Bohema Propaganda Societo Esperantista (B. U, E.), kiu fariĝos tiel « la dekstra brako de Unio ».

Ĉ. Ĉ. E.

Ĉiuj grupoj devas eldoni Gvidfolion.

# AL ĈIUJ NIAJ LEGANTOJ NIA PLEBISCITO

Antaŭ unu jaro *Esperanto* aperis en malgranda modesta formato. Ĉu niaj legantoj rememoras ankoraŭ tiun tempon ? Dufoje ni pligrandigis la formaton kaj hodiaŭ *Esperanto*, per sia aspekto, povas konkuri kun kiu ajn nacia ĵurnalo. Sen plialtigo de prezo ni duobligis la materialon, ni aldonis ilustraĵojn, ni kreis novajn rubrikojn, ni unuvorte penis fari la gazeton ĉiam pli utila kaj pli interesa. Ke tion ĉi ni povis efektivigi facile, sen malhelpo, simple, ĉar troa mono alfluis al nia kaso, neniu havu la naivecon kredi. Ke ni mem sukcesis atingi la efektivigon de ĉiuj niaj deziroj kaj ambicioj neniu ankaŭ kredu. Ni simple penis plibonigi, laŭ niaj rimedoj cetere tre modestaj, tion, kio jam ekzistis, sed ni ne kaŝas ke inter la nuna ĵurnalo kaj ĉi tiu, kiun ellaboras niaj revoj, ekzistas ankoraŭ tre multaj paŝoj. Ni esperas tamen iom post iom plibonigi *Esperanto* kaj malpligrandigi la distancon inter la realaĵo kaj nia celaĵo.

Antaŭ ĉio ni dezirus scii la opinion de niaj legantoj pri nia gazeto. Ĵurnala direktoro havas la devon de tempo al tempo konsulti sian publikon, ĉerpi el tiu pura fonto novajn instruojn, aŭskulti novajn dezirojn, senti la kreiĝon de novaj bezonoj. Tial ni hodiaŭ nin turnas al nia legantaro kun la peto, ke ĝi bonvolu unufoje esprimi siajn opiniojn rilate al *Esperanto*. Ĉiu bonvolu ekzemple respondi la jenajn demandojn : ĉu la nuna formato plaĉas ? Ĉu oni dezіras vidi la gazeton aperantan pli ofte aŭ kun pli granda materialo ? Ĉu la nombro de la ilustraĵoj devas esti pligrandigata aŭ plimalgrandigata ? Ĉu la felietono estas necesa ? Ĉu la rubriko « Socia Vivo » estas pligrandiginda ? Ĉu ekzistas tro aŭ ne sufiĉe da novaĵoj pri la Esperanto-Movado kaj pri U. E. A. ? Kiujn novajn rubrikojn oni povus krei ? Kiujn oni juĝas neutilaj ? Ĉu la materialo estas sufiĉe diversa ? Kiel pligrandigi la nombron de la legantoj ? Ĉu oni deziras konkursojn kaj, se jes, pri kio ? k. t. p., k. t. p. ; oni povas senlime plimultigi la demandojn. Ĉiu ajn persono, kiu interesiĝas al nia gazeto, estas insiste petata konigi al ni sian opinion pri tiuj demandoj tute malkaŝe, ne evitante kritikojn, kiuj estas por ni tre utilaj. El la ricevitaj respondoj ni faros specialan artikolon kaj el la ideoj kaj deziroj esprimitaj penos eltiri la instruojn necesajn por plibonigi nian ĵurnalon. Memkompreneble oni donu al ni ideojn realigeblajn en la nuna stato de nia movado kaj ne faru tro longajn ekskursojn en la ĝardeno de l'fantazio...

Por faciligi nian laboron ĉiuj komunikaĵoj estu skribataj sur *aparta* poŝtkarto aŭ paperfolio kaj ne miksataj kun aliaj demandoj. Eĉ *anonimaj* respondoj estos plezure legataj kaj konsiderataj...

Ni esperas, ke plej multaj estos la legantoj, kiuj partoprenos en tiu plebiscito — pro kio ni ilin antaŭe dankas.

*
* *

Lastaj vortoj. La publikigo de *Internacia Esperanta* gazeto prezentas multe pli da malfacilaĵoj ol unuavide ŝajnas, unue ĉar relative malgranda estas la publiko Esperantista, due pro la eksterlandaj poŝtelspezoj tre altaj la kosto estas multe pli granda ol tiu de similaj *naciaj* gazetoj. Tial estas necese, ke niaj amikoj nin laŭ eble subtenu. Ni deziras nenion plu, krom la plenumo de la jenaj du punktoj :

1e La personoj, kiuj estas avizataj pri la finiĝo de sia abono kaj kiuj deziras ricevi plue la gazeton, bonvolu nepre *tuj* resendi sian reabonon. Tio treege simpligas nian taskon kaj por la abonanto estas vere ne granda laboro. Se abonantoj ne repagas en la fiksita tempolimo aŭ ne rifuzas la gazeton, ni sendas al ili poŝtan repagon (en la landoj, kie tio estas ebla), aldonante la elspezojn, sed tiuokaze ili bonvolu pagi. Personoj, kiuj, ne dezirante reaboni eĉ ne resendas la ĵurnalon (kio kostas nenion) kaj lasas nin sendi poŝtrepagilon (tre karan por fremdlando), kiun ili ne pagas, havas vere nenian senton pri ĝentileco aŭ simpla honesteco.

2e La Delegitoj de U. E. A., kiuj deziras enradikigi U. E. A. ĉe la membroj de sia regiono kaj konigi al ili nian Asocion kaj ĝiajn progresojn, organizu vendadon de *Esperanto*, ĉu ĉe la grupaj kunvenoj, ĉu pli bone ĉe la Esperanto-Oficejo. Ni rememorigas, ke ni faras rabaton da 25 0/0 por ĉiu mendo de almenaŭ 5 ekz. sendotaj al la sama adreso. Ĉie, kie ĝi estis uzita, tiu sistemo liveris bonajn rezultatojn.

ESPERANTO.



# Esperanto-Movado

La jaro pasis. Venis la tempo ĵeti rigardon malantaŭen, fari la ĝeneralan jaran bilancon. Kaj vere ĉiu esperantisto nun sin demandas : « Kion alportis al nia movado la pasinta jaro ? » Ni laŭ nia povos penos fari resumon pri nia pasinta agado. Novaj societoj estis fonditaj dum 1909 en :

*Afriko*

| | |
|---|---|
| Kaplando, | 1 |
| Insulo Maŭricio, | 1 |
| Entute, | 2 |

En Afriko ekzistas nun 17 societoj.

*Ameriko*

| | |
|---|---|
| Arĝentina Respubliko, | 1 |
| Brazillando, | 9 |
| Kanado, | 1 |
| Kubo, | 2 |
| Usono, | 29 |
| Meksiklando, | 2 |
| Kolombio, | 1 |
| Entute, | 45 |

La nombro de la nun ekzistantaj en Ameriko societoj estas 283.

*Azio*

| | |
|---|---|
| Ĥinujo, | 1 |
| Rusujo Azia, | 1 |
| Turkujo Azia, | 1 |
| Japanujo, | 2 |
| Entute, | 5 |

Ĝenerala sumo por Azio 31.

*Eŭropo*

| | |
|---|---|
| Aŭstrio, | 30 |
| Belgujo, | 12 |
| Britujo, | 24 |
| Francujo, | 21 |
| Germanujo, | 94 |
| Hispanujo, | 14 |
| Rumanujo, | 4 |
| Rusujo, | 20 |
| Svisujo, | 6 |
| Bulgarujo, | 2 |
| Hungarujo, | 5 |
| Portugalujo, | 4 |
| Holando, | 1 |
| Danujo, | 3 |
| Entute, | 240 |

Ĝenerala sumo por Eŭropo 1142.

*Oceanio kaj Aŭstralio*

| | |
|---|---|
| Novaj societoj, | 3 |
| Ĝenerala sumo, | 21 |

Entute por 1909 estis fonditaj 300 societoj.

La ĝenerala sumo de Esperantaj Societoj estas : 1494.

Ni devas ĉi-tie konstati, ke dum la lasta jaro komenciĝis tre vigla kaj fervora propagando de nia ideo. Estas preskaŭ neeble apartigi la landojn, ĉar preskaŭ ĉie nia ideo enradikiĝas kaj la rezultatoj estas tre bonaj. Ni ne povas ne rimarkigi pri la grandega kaj vasta movado en Germanujo.

Tiu-ĉi statistiko eltranĉita el la decembra numero de la « Germana Esperanto-Gazeto » bone ilustras la staton de nia movado kaj ĝia disvastiĝo en Germanujo.

| En | ekzistis | | pligrandiĝo | | plimalgrandiĝo | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | grupoj | en lokoj | grupoj | lokoj | grupoj | lokoj |
| Decembro 09 | 83 | 74 | — | — | — | — |
| Januaro 09 | 100 | 80 | 27 | 24 | 0 | 0 |
| Februaro | 127 | 104 | 33 | 23 | 3 | 3 |
| Marto | 157 | 124 | 3 | 3 | 4 | 3 |
| Aprilo | 157 | 124 | 11 | 8 | 0 | 0 |
| Majo | 168 | 132 | 7 | 6 | 3 | 3 |
| Junio/Julio | 172 | 135 | 7 | 6 | 4 | 2 |
| Aŭgusto | 175 | 139 | 4 | 4 | 2 | 2 |
| Septembro | 177 | 141 | 16 | 9 | 3 | 3 |
| Oktobro | 190 | 147 | 17 | 12 | 1 | 1 |
| Novembro | 206 | 158 | 16 | 12 | 0 | 0 |
| Decembro | 222 | 170 | — | — | — | — |

Tiuj ĉi nombroj parolas. Ili montras, ke la esperanta movado neniam malantaŭeniris, ke la nombro de grupoj, societoj k. t. p. preskaŭ triobliĝis, la nombro de la esperantaj lokoj pli ol duobliĝis, sed ankaŭ ke la progresado estis pli granda dum la vintraj ol dum la someraj monatoj. La rezulto estas ankoraŭ pli ĝojiga, se oni komparas la rilatajn nombrojn de la pli fruaj jaroj : En Germanujo ekzistis

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| En Decembro 1903 : | 1 | grupo en | 1 | loko, |
| — 1904 : | 8 | grupoj | 7 | — |
| — 1905 : | 19 | — | 18 | — |
| — 1906 : | 24 | — | 21 | — |
| — 1907 : | 41 | — | 40 | — |
| — 1908 : | 83 | — | 74 | — |
| — 1909 : | 222 | — | 170 | — |

Ni tre esperu, ke la okazonta kunveno de la U. E. A. plenigos la impreson de la IVa, montrante krom la spirito de la esperantismo ankaŭ ĝian praktikan aplikadon kaj gravecon. Ni esperu, ke tiu kunveno plifortigos la esperantajn semojn kaj baldaŭ ni ĝuos riĉan rikolton. La okazinta en Praha Bohema Kongreso pli vivigis la movadon en Bohemujo. Antaŭ la Kongreso niaj Bohemaj samideanoj longatempe tre fervore propagandis por ĝin sukcesigi (kaj ili sukcesis !) Post ĝi ili kun duobligitaj fortoj komencis vigle agadi. Bonege nia afero sukcesas en Britujo kaj Francujo. Ni rimarkigas pri la tre interesa fakto, ke la dum 1909 la Burgonja Federacio kune kun U. E. A. fiksis stipendion de 120 Sm al junulo, kiu, farinte plej bone siajn ekzamenojn, vojaĝus eksterlanden kaj uzos dum la vojo nur Esperanton. Komprenеble li estis devigata plene uzi la servojn de la U. E. A. delegitoj. Tiun stipendion ricevis la S.-D. de U. E. A. en Bourg, S-ro A. Chevrot. Ni ne havas ankoraŭ la raporton pri lia vojaĝo. Estas superflue paroli pri la utileco de tiuj stipendioj. Ĝi estas memkomprenebla. Ĉiuj el ni scias kiom multe helpas al nia propagando vizito de eksterlanda samideano. Estas do tre rekomendinda tiu propagandilo, kiel sistemo. Ni ne parolos pri multegaj lokaj, regionaj kaj naciaj festoj, kongresoj kaj kongresetoj. Multaj okazis dum la pasinta jaro kaj preskaŭ ĉiuj esperantaj ĵurnaloj raportis pri ili. Multaj el niaj esperantistoj interesiĝas pri la sintenado de la registaroj kaj scienculoj rilate al nia ideo. Kaj ankaŭ en tiu rilato ili trovas ĝojigan respondon. Dum la lasta jaro kelkaj grupoj ricevis monhelpon de la loka registaro por aranĝado de festoj kaj por la propagando. Reprezentado de la oficialaj sferoj en la kunvenoj fariĝis preskaŭ moro. En multaj lernejoj de superaj ĝis unugradaj oni instruas esperanton (eĉ en Rusujo en kelkaj gimnazioj estas organizitaj kursoj). La fama Elizabeto (Carmen Sylva) fariĝis protektantino de Rumana Esp. Societo, Alfonso XIIIa estis Honora Prezidanto de la Va. La Papo benis la Barcelonan Kongreson. Jen estas la sintenado de la altranguloj rilate al Esperanto.

Kaj la scienculoj ? Dum la Psiĥologia Kongreso oni paroladis esperante (4 paroladistoj parolis esperante). Nia fama kunbatalanto S-ro René de Saussure faris tie bonegan propagandon. La *1a Tutamerika Scienca Kongreso* aplaŭde akceptis laŭ la proponon de niaj ĉi-tiuj samideanoj S-roj Kontreras kaj Biaut rezoluciojn, rekomendantajn Esperanton por enkonduko en la lernejojn kaj atentigantajn la registaron pri nia movado.

La *porblindula Kongreso* en Napoli akceptis tre favoran al Esperanto rezolucion. Fine dum la *Kuracista Kongreso* en Budapesto estis kelkaj raportoj pri Esperanto. Ni ne forgesu atentigi ankaŭ pri la kelkaj, interesaj vortoj, per kiuj la deputato Morgari riproĉis de la tribuno de la deputatejo la italan ministron de instruado, ke li ĝis nun ne atentis pri Esp. Ŝajnas al ni, ke ankaŭ en tiu rilato la pasinta 1909a jaro alportis kontentigajn rezultatojn.

Se ni aldonas al la supredirita ankoraŭ. ke en Balkanaj landoj komenciĝis vigla movado, ke tie okazis sukcesplena Ia *Rumana Kongreso.* ke en Rusujo nia movado plifortiĝis aŭ pli bone reviviĝis, ke en Ameriko okaze de la estonta kongreso niaj samideanoj insiste laboradas por ĝin sukcesigi kaj fine, ke eĉ en Ĥinujo penetris Esp. Movado, ŝajnas al ni, ke ni ricevos klaran kaj ĝojigan impreson pri la laboro de la lokaj kaj naciaj societoj. La nombro de la faka societaro pligrandiĝas. Ni ne parolas pri U. E. A. Ĝia oficiala organo kaj ĝia jarlibro donas sufiĉe detalan raporton pri ĝia ĉiuhora kreskado kaj plifortigado. La dua, post U. E. A. tre grava asocio, la T. E. K. A. ankaŭ tre bone sukcesas. Kun vera plezuro ni gratulas tiun organizaĵon kaj ĝiajn agemajn batalantojn pri la rezultatoj, ricevitaj dum lastjara agado. Multaj el ni bone memoras, kiam la organo de tiu asocio en 1908 estis devigita peti de fervoruloj, ke ili abonu po kelkaj ekz. por ke ĝi povu ekzisti. por ke ĝi havu almenaŭ nur 400 abonantojn. Nun la « Voĉo de Kuracistoj » tre bone redaktita, plena de tre interesaj informoj por specialistoj aperas regule kaj havas multegajn abonantojn. La T. E. K. A. kalkulas nun pli, ol 1.000 membroj kaj multajn konsulojn en diversaj urboj kaj landoj. La aperinta jarlibro de T. E. K. A. enhavas la liston de tiuj konsuloj kaj multajn informojn pri Asocio. Dum la Barcelona Kongreso fondiĝis la internacia Esp. *Farmaciista Asocio.* Jam aperis ĝia oficiala organo. « Voĉo de Farmaciistoj » (Varsovio). Dum la lastaj tagoj fondiĝis : « *Varietea Ligo* ». Ĝi jam manifestaciis esperanton sur unu el la varieteaj teatroj de Parizo, kaj ili tre bone sukcesis. Fondiĝis novaj asocioj de Bankistoj, Studenta Ligo, Internacia Laborista Asocio (I. L. A.).

La okazinta Va Kongreso en Barcelono dum la tuta jaro altiradis nian atenton. La grandiozaj preparoj kaj la malfeliĉaj okazintaĵoj en Barcelono ne unu fojon plioftigis la baton de nia koro. Kiel praktikaj esperantistoj ni unue haltos je la agado de la Kongreso. La Va havis kelkajn « najlojn », kiuj lasis post si bonegan rememoron al la esperantistaro. La mirinda parolado de nia amata paroladisto S-ro Privat, lasis bonegan impreson al ĉiuj ĉeestantoj pro sia elekventeco kaj seriozeco de ĝia ideo. « Vivanta lingvo de vivanta popolo ! » Ĝi fariĝis nova devizo de la esperantistaro kaj nia majstro, same akceptis tiun devizon. Poste venas la projekto de « Reprezentantaro-Registaro ». Ĝi kaŭzis grandan batalon dum la kunveno kaj fine ĝi estis malakceptita de granda plimulto. Ne ! Ĝi ne estis malakceptita, ĉar aŭskultinte la debatojn, la proponintoj eĉ ne submetis sian proponon, sed por solvi la demandon, financan (la ĉefa argumento de l'defendantoj), S-ro Privat proponis, ke la naciaj societoj laŭproporcie elektu Internacian Konsilantaron, kiu zorgus nur kaj ekskluzive pri la financoj. Tiu propono estis unuanime akceptita.

Multaj el la kongresanoj plendis pri la manko de la ĉiam interesa kaj profunda parolado de nia Majstro dum la malferma kunveno. La praktiko de la pasintaj kongresoj montris, ke ĝuste tiu parolado ĉiam krom salutoj enhavis resumon de la ĝenerala agado de la pasinta jaro kaj planojn por la estonta. Pro multaj kaŭzoj tiu parolado ne enhavis tiun plej gravan parton. Sed multe pli rekompencitaj estis la kongresanoj dum la grava kunveno de U. E. A. Tie D-ro Zamenhof diris sian gravan vorton. Ni ne raportas detale pri ĝi, nek pri la tre interesa kunveno mem. Nia legantaro legis jam en la raportoj pri la kunvenoj. Belaj kaj lukse organizitaj estis la Floraj Ludoj. Ĉi tiuj Ludoj havos gravan rolon en antaŭpuŝo de nia esperanta verkado. Tre multajn kaj interesajn amuzaĵojn ĝuis la kongresanoj. La belega kongreslibro batis la rekordon de ĉiuj antaŭaj kongresoj.

La L. K. aprobis la deziresprimon de la Akademio ke : « ne estus bone konsili la uzadon de novaj sufiksoj en la komuna lingvo. Tiu decido estas speciale interesa nun, kiam jam tro multaj apenaŭ ellerninte la lingvon jam komencis proponadi novajn radikojn kaj afiksojn. Ĵus finiĝis la festoj de la *Zamenhofa jubileo.* Ni ne povas ankoraŭ detale raporti pri ili, sed oni povas jam nun diri, ke ili estis sukcesplenaj. El multaj lokoj ĝi fariĝis bonega okazo por propagando de nia ideo. Ĝi montris. ke la vera sento de esperantismo vivas kaj prosperas inter ni, malgraŭ la atencoj de nia malamikoj.

Multaj novaj gazetoj aperis dum la pasinta jaro. Ilia nombro estas 24. Jen iliaj nomoj : « La Pioniro » (Budapest'o), « Greklingva Esperantano » (Samos), « Kuba Stelo », « Export Esp. » (Ameriko), « Esp. Bulletin » (Holando), « Ruslanda Esp. » kaj « La Ondo de Esp. » (Rusujo), « Hungara Esp. Kroata Esp. », « Esp. Nouvelles » (Francujo), « Supren » kaj « Jen » (Barcelono), « La Simbolo » (Ameriko), « Nova Sento » (Bilbao-Hispanujo), « Esp. Grupo Hamburg Altona », Ĥina Esp. », « Juneco » (Francujo), « Studento » (Bohemujo), « Kolombia Stelo », « La Duonmonata » kaj « Universo » (Germanujo), « Sofia » (Hispanujo).

Eĉ laŭ tiu malgrandeta raporto ni vidas, ke nia movado kreskas kaj prosperas. Ni ne parolis pri tiuj multaj kaj multaj esperantistoj, kiu fervorege batalis por nia ideo. Ni eĉ ne montris la agojn de niaj multaj grupoj, kiuj tiel kuraĝe kaj sukcesplene laboras por enradikigi nian lingvon ĉie sed ankaŭ ĉi tio malmulte dirita montras, ke la estonteco estas por ni, ke baldaŭ venos la tago kiam. « La bela sonĝo de l'Homaro por eterna ben' efektiviĝos. » Ni deziru por la venanta jaro, ke la fervoro de niaj agemaj batalantoj ne laciĝu kaj, ke ĝi alportu al ni ankoraŭ pli belajn rezultatojn !

S. Sosnovski.

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulilian anonceton senpage.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata, antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

## Korespondado

BOULOGNE-SUR-MER (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, 149, rue du Moulin-à-Vapeur. PI.

PECKA (Bohem., Aŭstrio). — Sro Josef Krômarik, no 5. PI.

NEWPORT (I. W.-Anĝlujo). — Sro C. S. Paxton, Suffolk house, Cypress Rd. PI. (kun nefrancoj).

MOSKVO (Rusujo). — Sro J. A. Rogunor, Iljinskaja ul., d. Chuĥaeva 14, kv. 4. PI.

ODESSA (Rusujo). — Sro J. Bezikovitch, Ekaterininskaja 14. PI. PM.

MANCHESTER (Anglujo). — Sro Thomas Smith, Alderley Edge (pri abelkulturo, fungoj, naturscienco, socialismo).

BUKAREST (Rumanujo). — Sro Niku Dumitresku, str. Dreptului 56. PI.

BARCELONO (Hispanujo). — Grupo Stelo, Sro Font Perxes, str. Unio 6, pral. PI.

RIO-DE-JANEIRO (Brazilujo). — Sro Magnus Sœndahl, Rua de Hospicio 240 (1o andar), fondinto de l'ortologio. L. PI.

NAPAJEDLA (Moravio, Aŭtrio). — Sro F. J. Srbeky ; Sro Frant. Juriček.

LEIPZIG (Germanujo). — Fino L. Kærgel, konsulino por virinoj, Schenkendorfstr. 53. PI.

ZARAGOZA (Hispanujo). — Sro Alcay, Mayor 90, 2o Iz. PI.

SAINT-PÉTERSBURG (Rusujo). — Sro N. Partenoff, Gararinskaja ul. 20. PK.

LEIPZIG R (Germanujo). — Sro Otto Herrmann, Friedrich-Wilhelmstr. 15. PI.

ĈASLAV (Bohemujo, Aŭstrio). — Sro Jos. Hutak, pedagogia instituto. PI. L.

TABOR (Bohemujo, Aŭstrio). — Sro Frant. Matha, Agronomia Akademio. PI. PM.

## Petoj kaj Proponoj

AVIZO. — Sro R. Rubĉiĉ, jurn., informas siajn korespondantojn ke li nun troviĝas en Dubrovnik (Ragusa), Dalmatio-Aŭtrio.

PROPAGANDO ORTOLOGA. — Estingado de la paŭperismo (malriĉegeco) mentala kaj materiala per la rimedo de la *Universitato Ortologa* kaj *Sociokrataj Burĝoj*. Ĉiuj, kiuj aspiras al la solvo de la granda problemo de l'homaro, estas invitataj sin konigi. Turnu vin al Magnus Sœndahl, Rua do Hospicio 240 (1o andar), *Rio-de-Janeiro* (Brazilujo).

AŬTOMOBIL-KONDUKISTO, singardema, serĉas en Svisujo okupadon por la venonta somero. Sin turni al Ed. Govees, rue Violet, 17, Paris.

KORESPONDADO. — Dekjara Esp-istino dez. koresp. kun junaj ĉiulandaj Esp.-istinoj per PI. Ĉu eble ankaŭ gesinoroj donus al mi la mi la honoron koresp. kun mi poŝtkarte aŭ letere? Manjo Mayerhauser, komercistfilino, Bad-Reichenhall, Germanujo.

BONDEZIROJN kaj kristnaskajn salutojn al ĉiuj samideanoj sendas Mercutio, Esp. redaktoro de « Weekly News ».

PENSIONO. — Familio de geprofesoroj ĉe la superaj lernejoj akceptus kelkajn fraŭlinojn en pensiono. Vivo agrabla kaj gaja. Ĉarma artista hejmo kun mirinda situacio kaj bonega aero, borde de l'fama Geneva lago (*France*, Esperante, germane, angle). Adr. : Sro Vittel, prof. « La Vegnetta ». *Morges* par *Lausanne* (Svisujo).

ESPER-ISTA STUDENTO dez. koresp. per PI. kun samideanoj en Holando, Sved., Dan., Rus., Ital., Hispan., Portugalujo. Akurate respondos. Queen's Rd Evĝ. Centre (L. C. C.), Dalston, London. N. E. (Anglujo).

FOTOGRAFANTO deziras interŝanĝi fotografaĵojn, interesajn por la propagando de Esperanto, PK. de grupoj, k. t. p. Oni turnu sin al la adreso : C. D. Baxandall, F. B., E. A., 23, Portland St., Lancaster (Anglujo).

POŜTKARTO-REVENDANTOJN serĉas Eldonejo Esperanto, Germanujo : Leipzig, Langestr. 27.

**Korespondo.** — S-ro E. Gabert, 10, rue Claude-Delaroa, Saint-Etienne (Francujo) deziras interŝanĝi PI., montrantajn interesajn preĝejojn aŭ monaĥejojn ; ĉiam respondos per belaj PI.

**Financoj.** — Personoj dezirantaj deponi siajn kapitalojn kun plena garantio en Rusujo por 8 % jare, volu sin turni laŭ adreso : S-ro Vladimir Krajev, Tchernajevkaja, 14, *Tachkent* Sir Dariinskoj oblasti, Rusujo.

**Cosmopolitan Correspondence Klub.** — Granda internacia Klubo pri korespondado, kolektado k. t. p. — 7,000 membroj en la tuta mondo, belega ilustrata revuo en 4 lingvoj kun esperanta fako. Pri informoj aŭ aliĝiloj skribu al Cas. Post. 601. *Genova*, Italia.

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Geneva Lago ; belega vidaĵo ; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : Fno A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

**Studento.** — Esp. organo de studentoj aperonta en septembro 1909 serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj. Jarabono 1 $ (pagita antaŭ 1 sept. nur 0.75 $). Adreso : *Praha*, 516, K. Kuthan.

RIPREZENTANTO de fabriko, tre konata ĉe la firmoj (artikloj por tajloroj) deziras alian riprezentadon, escepte por veluroj kaj silkaĵoj. Sin turni al Sro Gillet, 4, rue des Petits-Champs, *Paris*.

# GRAVA AVIZO

**por KOMERCAJ KONSULOJ**

Reprezentantoj estas serĉataj en ĉiuj landoj por *skribmaŝinoj, kudromaŝinoj, bicikletoj, fotografaj aparatoj, krajonakrigiloj*.

Petu informojn de : *Bigalke & Mohwinkel, Bromberg* (Germanujo).

## Komercaj reklamoj

**TRA LA FILATELIO**

Internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtmarkoj & poŝtkartoj. Jare : En Francujo 2 fr. 10, 0.80 $. En ceteraj landoj 2 fr. 50, 1 $, ĉe S-ro Fize, au Pastissou, Béziers (Francujo).

**Ekspeda firmo.** — Firmo Krook & Person, en Lübeck (fondita 1876). Ekspedoj precipe al Dan-, Sved-, Rusujo & Finlando.

**Komercaĵoj.** — Sro A. Rowlands (Box 183, Invercargill, New-Zeland) deziras koresp. pri komercaĵoj revendeblaj en la Anglaj Kolonioj kaj pri la produktaĵoj de Nov-Zelando.

**Donaco** tre rekomendinda al Esperantistoj geamikoj : murpladoj surskribitajn per Esperantaj devizoj. Forsendas afrank. 3 po 3 75 $. S. F. V. Dam, 38 v. Galenstrasse *Haag* (Holando), konto ĉekbanko Esperanto.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ. — Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Germanujo ; Leipzig, Langestr. 27.

**Silkaj esperantaĵoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., rue de la Loire, 41, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj, kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 0 fr. 30 (0.12 $) poŝtm. aŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustritan prezaron.

BARCELONA KONGRESO. — 14 belegaj gravuraĵoj de la Kongreso Barcelona nur $ 0.55. Eldonejo Esperanto, Germanujo : Leipzig, Langestr. 27.

# Grandaj Vinoj el Burgonjo

# MOREAU-VOILLOT

• BEAUNE (Côte-d'Or-Francujo)

Firmo fondita en 1786, daŭrigita de patro al filo

**Honorindaj makleristoj estus akceptataj**

**Oni petu la prezaron esperantan**

# Por la Higieno de l'tualeto

(lavaĵoj, higieno de l'buŝo, la haŭto, lavado de suĉinfanoj, intima higieno)

Oni nepre rekomendas

COALTAR SAPONINE LEBEUF

BAYONNE (Francujo)

Kiun ĝiaj antisepcaj, deterŝivaj kaj cikatrigaj propraĵoj akceptigis ĉe la Parizaj Hospitaloj.

*En la apotekejoj — Atentu la imitaĵojn*

# TRE MALNOVA KAJ GRAVA

*FIRMO de VINOJ, LIKVOROJ KAJ SPECIALAĴOJ*

en **DIĴONO** *Côte-d'Or* (*Francujo*)

**deziras agentojn**, seriozajn, agemajn, kun bonaj referencoj.

*Tre favoraj kondiĉoj*

Oni skribas Esperante. Sin turnu al Sro J. Moron, Delegito U. E. A., *Agencourt*, apud *Nuits* (Côte-d'Or, Francujo).

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (60 no j), afrankite 2.50 $.

Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

**Liverantoj de Mustardo kaj Amelo al la Reĝo**

Laŭ privilegio

# J. & J. COLMAN

(Al cia Societo)

MANUFAKTURISTOJ DE

**MUSTARDO, AMELO, BLUIGAĴO**

KAJ

**BRITA RIZFARUNO**

*108, CANNON STREET, LONDON*

*kaj CARROWWORKS, NORWICH* (Anglolando)

*La Administranto* (Gérant) : *DUVAL*

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)

MARQUE SYNDICALE

# VI ŜPARAS TEMPON KAJ MONON

mendante en unu letero, sendante la monon per unu poŝtmandato

**POR VIAJ ABONOJ AL ESPERANTAJ ĴURNALOJ**

*UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO, Rue de la Bourse, 10, GENÈVE*

# FORIGILO DE MALFELIĈAJ OKAZOJ

Ĉe rodlado (*), suprenirado de montoj, ankaŭ ĉe glitiga vetero per uzado de perleĝe protektita

## Glitforigilo kaj Sprono

Ĉiu danĝero de glitado estas forigata. La sprono laŭ nia bildo servas al rodlanto por direktado kaj haltigado, per kio difektado de botoj, precipe de kalkanumoj de botoj estas forigita.

Prezo por plenkreskuloj por la paro 1.88 Sm.
— infanoj — 1.63 —

« NOVO » dissendejo de praktikaj novaĵoj en Bad Reichenhall, Germanujo.

(*) « Rodli estas la germana sportesprimo : « rodelo » kiu signifas : ŝin malsuprenŝovi per manglitveturilelo suraranĝita vojo de montoj aŭ montetoj. « Rodli » estas amata vintra sportspeco en Germanujo.

LA ĈAPELPINGLOJ POR SINJORINOJ ESPERANTISTAJ

ONI PAGU POSTMANDATE

Estas aĉeteblaj ĉe Sinjoro E. GABERT, 10, Rue Claude-Delaroa, 10, SAINT-ETIENNE (Loire) FRANCE

PREZO FRANCE 0.60 $ (fr. 1.50), alilande 0.66 $ (fr. 1.66) afrankite

SPECIALAJ PREZOJ POR LA VENDO POGRANDE

# HÜTTIG-KRUGENËR

# Wünsche — Zeiss

**KAMEROJN**

liveras nun

# " J. C. A. "

FABRIK-MARKO

**Aktien-Gesellschaft, Dresden.** — *Unuiĝo de la ĉi-supraj firmoj*

Akcia Kapitalo : 3.000.000

**La lastaj Katalogoj valoradas**

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- **Heilanstalt-Kuracejo** por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**

Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

**Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen**

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**

Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.

**La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim**

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro : **Dr. BREIGER**

# " NOVAĴO "

*Grava afero por ĉiulanda militistaro !*

## PATENTSPRONO KUN FLEKSEBLA KOLO

Nenia falado malsuprenirante la ŝtuparojn.
Nenia disŝirado de la botoj kaj de la pantalonoj.
Post ĉiu premo la spronkolo revenas en sian iaman originan situacion.
La eltrovaĵo estas patentigita ĉe ĉiuj kulturŝtatoj.
Eksterlandaj patentoj estas vendeblaj.

Reprezentantoj ĉiulande dezirataj.
Ilustr. prezaroj ĉien per la forsendejoj :
Adolf. Muth, Nürnberg, Lichtenhofstr. — Germanujo.
Ludwig . Dollatscheck, München, Galeriestr. — Germanujo.
Hans Kriebel, Dresden, Gneisenaustr. — Germanujo.

# La plej bona akriga MAŜINO de TRANĈILOJ

# " PIPIFAX "

Ne manku en ia domo ! Ĝi tuj akregigas

Ĉiujn tranĉilojn — Simpla — Manuzebla — Praktika

**Havebla de la solaj fabrikantoj**

**GUHL & HARBECK (Esperantia Entrepreno), HAMBURG, 35 S.**

**Plej utile al ĉiuj Esperantistoj estas :**

# LA POŜKALENDARO POR 1910

**Eldonita de J.-H. FRED**

Kun portretoj de D-ro Zamenhof kaj de S-ro H. Bolingbroke Mudie, Prezid. de U. E. A. — Enhavas la Plenan liston de la Deleg. de U. E. A., la Boulognan Deklaracion, la Esperantan Himnon, informojn pri la proksima kongresejo, spesmilan tabelon, plenan dataron kun loko por notoj k. t. p. En tola bindaĵo kun ora titolo afranke 30 Sd.

*Kalendaro por la Ripetado de Lingvoj.* Murkalendaro de 50 grandaj folioj kun teksto en esperanta-franca-germana-angla lingvoj. Afranke 1 Sm.

*Esperanta Murkalandaro.* Ŝirfolioj por ĉiu tago kun esperantaj tekstoj. Afranke 60 Sd.

La provizo de tiuj ĉi kalendaroj estos baldaŭ elĉerpita.

Gramatikoj, Lernolibroj, Vortaroj en franca, germana, itala, angla kaj rusa lingvoj.

**Rekomendinda por kursoj**

*Fundamento de Esperanto* de D-ro L. Zamenhof. Gramatiko, Ekzercaro, Universala Vortaro. Kvinlingva biadit. vol. 1.20 Sm. Afranke 1.32 Sm.

*Fundamenta Krestomatio* de la Lingvo Esperanto. De D-ro Zamenhof. 1.40 Sm. Afranke 1.65 Sm.

*Legolibreto* de J. Borel. 10 Sd. — *Karlo*, facila legilobro de E. Privat. 20 Sd. — *Gulliver en Liliputlando*. Ilustrita, bindita. 60 Sd. — *Unua Legolibro* de D-ro Kabe. Anekdotoj Rokontoj, Frazaro, Leteroj. 76 Sd. — *Elektikaj Fabeloj* de Fratoj Grimm. 76 Sd. — *Tra la Esperanta Literaturo* de Prof. Luigi Giambene. 50 elĉerpaĵoj el malsamaj verkaĵoj. 46 Sd. — Multaj diversaj verkoj por komencantoj, por 10, 20, 30 Sd. kaj plu.

**Universala Esperantia Librejo, rue de la Bourse, 10, Genève**

# ĈASOPIS ĈESKÝCH ESPERANTISTŮ

Kun literatura aldono « *Legolibro de Bohemaj Esperantistoj* » oficiala monata organo de bohemaj Esperantistoj kaj de centra asocio.

**Bohema Unio Esperantista** *(B. U. E.)*, kiu unuigas tiutempe *43 societojn*. Ĉiu numero de tiu ĉi revuo enhavas po 20 paĝoj da plej bona teksto : artikoloj originalaj kaj tradukitaj, parto oficiala, esperanta movado en fremdlando kaj inter Bohemoj, bibliografio, adresaro de korespondantoj, k. t. p.

Jara abonpago : 3 kronoj ($ 1.50) Red. kaj Adm. : Praha II, 2023, *Ed. Kühnl*.

(Rabato por Societoj).

**Granda Marko " Ville de Paris "**

# INKOJ MIETTE

*gluoj likvidaj, sigeloj*

# Jules MIETTE

102, Rue Amelot, PARIS-XI

## SENSACIA NOVAĴO !

Alsendante Vian fotografaĵon, Vi ricevos post kelkaj tagoj en grandeco de 35/55 milimetroj

## Velofot-Portretojn

la plej belajn, malmultekostajn, akrajn, daŭrajn fotografaĵojn kiuj estas :

| | | |
|---|---|---|
| 20 fotografaĵoj | . . . . | $ 0 50 |
| 50 » | . . . . | » 1 — |
| 100 » | . . . . | » 1 75 |

Konvenaj kadretoj po 2 1/2 Sd. La senditajn fotografaĵojn oni rericevas nedifektitaj.

Livero post sendo de la mono (enlande 10 Sd. eksterlande 20 Sd. plie por transsendo), aŭ per poŝta repago.

**Entrepreno Fotomarko**

**Bad Reichenhall, Germanujo, Brieffach**

No 43.362.001

**Por alglui sur membrokartojn, k. t. p.**

# HOTELO

# LOUIS-LE-GRAND

*2, rue Louis-Le-Grand, Paris.*

En belega loko, inter la Rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj Prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

PRESEJAJ LITEROJ MAYEUR — PARIS

# ALLAINGUILLAUME, J. SALING & Cie

GRAVUR-FONDISTOJ — POSTEULOJ

**21, RUE DU MONTPARNASSE**

ĈIUSPECAJ LITEROJ KAJ VINIETOJ

Specialaĵo de SUPERLITERAJ SIGNOJ

Liverantoj de ĉiuj Esperantaj literoj kaj supersignoj uzataj ĉe la presejo de U. E. A. por la kompostado de ESPERANTO kaj ĉiuj Esperantaj presaĵoj.

| ROMANA | TIPOJ DIDOT | ITALIKA |
|---|---|---|
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 7 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 8 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 9 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 10 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |

$ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $

EGIPTA KORPO 8 No 406

ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ ◆ Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ

# Universala Esperantia Librejo

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Suisse)*

Vendas ĉiujn eldonaĵojn de U. E. A. kaj ĉiujn Esperantaĵojn (propagandiloj, lernolibroj, literaturajn kaj sciencajn, verkojn, k. t. p.).

**Oficialaj eldonaĵoj de U. E. A. :**

rekomendataj al ĉiuj Esperantianoj

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Deligitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,30 Sm. ; 10 ekz. 2 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondaĵoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 15 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,75 Sm.

*Oficialaj kovertoj*. Prezo, 100 ekz : 0,60 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj*. Prezo, 100 ekz. : 0,75 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage riceveblaj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Oni povas mendi la gvidfoliojn aparte.

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

PROPAGANDAJ BROŜUROJ EN NACIAJ LINGVOJ :

*Universala Esperanto-Asocio*. Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana, rusa* kaj *itala*. Eldonoj angla, kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda*.

Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Universala Esperantia Librejo**, 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo), Tamen, nacilingvaj propagandaj broŝuroj estas ankaŭ riceveblaj jenaj el la adresoj :

Dro M. KANDT, 8, Neuer Markt, *Bromberg* (Germana).
P. LINARES, Santo-Basilio, *Cordoba* (Hispana).
A. TELLINI, Vallescura, 11, *Bologna* (Itala).
S. SZABUNIEWICZ, Mjasnickaja, d. Zimin, *Moskva* (Rusa).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendaĵon, aldonu 0,10 Sm.